## Ĉefredaktoroj:
### *Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay*

## Redaktoroj:
### *Karlo Bodó kaj Francisko Szilágyi*

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), M. Beraru (Bucuresti), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), T. Cart (Paris), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), R. Eichenbaums (Jelgava), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), L. Halka (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Petro Firu (Bucurest), T. Morariu (Cluj), L. E. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), H. Seppik (Tallinn), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), J. Supichová (Praha), R. Schwartz (Paris), L. Totsche (Budapest), Leono Zamenhof, Felikso Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa).*

---

**Redakcio kaj administracio:**

**Kolomano Kalocsay,**
Budapest, VIII. Szentkirályi-u. 3. I.
Telefono: József 382—98.


**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## Reprezentantoj de eldonejo Literatura Mondo

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek,
*Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**Belgujo:** Flandra Esperanto-Instituto.
Libreja Fako. s-ro Gerard Debrouwere
*Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto no 196906.
**Britujo:** Brita Esperanto Asocio,
*London*, W. C. 1. 142 High Holborn.
**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto«
*Sofia* str. Maria Luiza 49.
**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka,
*Hradec-Kralové.*
**Estonio:** Helmi Dresen,
*Tallinn*. Poŝtkest 6.
**Francujo:** Salo Grenkamp Kornfeld,
*Paris*, 6e, 4 rue de Vaugirard
poŝtkonto nro Paris C. 1052—01.
**Germanujo:** Ludoviko Speth,
*München*, Auenstr. 62. poŝtkonto nro München 21142.
**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat,
*Barcelona*, str. Provenza 99. 1—4a.
**Italujo:** A. Paolet, poŝtkonto
*St. Vito al Tagliamento.*
**Latvio:** Aleksandro Libers,
*Riga*, Muitas Artelis, Bremieŝu ielä 11.
**Nederlando:** Leo Moreau,
*Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.
**Polujo:** Halina Weinstein,
*Warszawa*, str. Leszno 99
Izrael Lejzerowicz,
*Lodz*, Skwerowa 20.
Poŝtkonto nro w. P. K. O. 68273.
**Portugalujo:** Saldanha Carreira,
*Lisboa*, Av. Duque de Loulé 50—3
**Rumanujo:** Esperanto-Instituto Rumana,
*Cluj*, str. Bravilor 15
**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto,
*Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578
**Svisujo:** kaj UEA-anoj: Universala Esperanto Asocio,
Genéve, 1 Tour d l'Ile poŝtkonto nro 2310.
**Japanujo:** *Tokio-Do* Esperanta Fako
3 Omozejinbo-ĉo. Kanda. *Tokio*
**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto.
Madison, (Was.) Sherlok Hotel

## Abonprezo de L. M.

| | | Tuta jaro | Duonjaro | Kvaronjaro | Opa n-ro |
|---|---|---|---|---|---|
| por aŭstroj | ŝilingo | 12.50 | 6.90 | 3.75 | 1.25 |
| « belgoj | franko | 62.50 | 35.— | 19.— | 6.30 |
| « britoj | ŝilingo | 0/7/5 | 0/4/0 | 0/2/2 | 0/0/9 |
| « bulgaroj | levo | 200.— | 110.— | 60.— | 20.— |
| « ĉeĥoj | krono | 60.— | 33.— | 18.— | 6.— |
| « estonoj | krono | 6.70 | 3.70 | 2.— | 0.67 |
| « francoj | franko | 45.— | 24.— | 13.— | 4.40 |
| « germanoj | marko | 7.50 | 4.— | 2.20 | 0.75 |
| « hispanoj | | pagu laŭ franca tarifo | | | |
| « latvoj | lato | 9.— | 5.— | 2.70 | 0.90 |
| « jugoslavoj | dinaro | 100.— | 55.— | 30.— | 10.— |
| « holandoj | guldeno | 4.40 | 2.40 | 1.30 | 0.45 |
| « poloj | zloto | 15.— | 8.50 | 4.50 | 1.50 |
| « rumanoj | leo | 210.— | 110.— | 60.— | 21.— |
| « svedoj | krono | 6.70 | 3.70 | 2.— | 0.70 |
| « svisoj | franko | 9.— | 5.— | 2.70 | 0.90 |
| « japanoj | dolaro | 2.— | 1.— | 0.60 | 0.20 |
| « usonanoj | jeno | 3.80 | 2.10 | 1.25 | 0.40 |
| « hungaroj | pengoj | 10.— | 5.50 | 3.— | 1.— |

La anoj de landoj, ne menciitaj en la supra listo, pagu laŭ la hungara tarifo.

**Provabonantoj, pagantaj la prezon de unu kaj duonnumero, nur komence de la jaro ricevas la 1-an, 3-an kaj 5-an numerojn.**

## Reklamtarifo de L. M.

| | | |
|---|---|---|
| tuta paĝo | P. | 125.— |
| duonpaĝo | P. | 75.— |
| kvaronpaĝo | P. | 45.— |
| okonpaĝo | P. | 25.— |

Por plurfoja enmeto rabato:

| | |
|---|---|
| trifoja preso | 33% |
| sesfoja preso | 40% |
| dekdufoja preso | 43% |

Felelős szerkesztő: **Bodó Károly**
Felelős kiadó: **Kökény Lajos**

# LA RUĜA DIANTO

## PANĈO MIHAILOV



i estis la ĝardeno apud glaso da biero, — mi kaj la juna doktoro K., ĵus reveninta el Germanujo.

Li parolis multe, turnis sin dekstren-maldekstren, salutis siajn konatojn, ŝercis kaj tre ofte levis la glason kun abrupta kaj senzorga »je via sano.«

— Je via sano! — kaj mi forte frapis lian glason: la vitroj sonis iel obtuze kaj timeme.

Eta florvendistino proponis rondan korbeton kun blankaj kaj ruĝaj diantoj. Ne elektante, mi prenis unu el la ruĝaj kaj ĝin proponis al la doktoro.

— Dankon! — kaj li enspiris profunde ĝian odoron, turnetinte ĝin inter la fingroj de sia dekstra mano.

La dianto deŝiriĝis nerimarkite kaj falis sur la ŝablon. Li mallevis la kapon kaj ekpensis.

— Nu, kio?

Li ne respondis tuj; lia brusto facile kun sopiro leviĝadis, la vizaĝo iom paliĝis, kaj la belaj migdalaj okuloj malheliĝis.

— Kio estas?

Kaj la doktoro, malsekiginte siajn lipojn per biero kaj apoginte sin malzorge kontraŭ la seĝdorso, malrapide, kun trankvila malĝojo, rakontis al mi jenon:

Vi scias, ke mi studis kaj finis en Gr.

Irante al kaj revenante de la universitato mi konstante renkontis unu kaj saman personon. Estis malforta, pala, energia knabino, preskaŭ infano, sed kun la malsekaj melankoliaj okuloj de humila kaj fidema virino.

Nun tiu ĉi deŝirita dianto kaj... la subtila, malĝoja odoro rememorigis min pri ŝi — pri ŝia talio, pri la viglaj blondaj haroj, elsub la ĉapeto, pri la etaj libere delasitaj brustpomoj, kiuj je ĉiu paŝo tremetis, pri la senmova, nesatigebla soifa rigardo...

Mi sciis, ke ŝi — havante aŭ ne havante ion por fari — intence pasas sur la ĉefstrato kaj ke jam de malproksime ŝi sekvas min per sia rigardo.

Eĉ, foje ŝi ne preterlasis la okazon por konatiĝi. Dum mi halte staris antaŭ brilanta vitroŝranko kaj ekzamenis la helajn kolorojn de la oraj kaj arĝentaj vazoj, ŝi ekparolis.

— Vi estas fremdulo?

— Jes. Bulgaro.

— Do, ligano, — kaj ŝi etendis naive, infane la etan malsekan maneton.

Mi ĝin akceptis.

Kaj ni ekiris malsupren sur la bulvardo interparolante laŭte pri la movado, la melodiaj signaloj de l' aŭtomobiloj, la modo kaj la plej nova en la Reinhard'a teatro...

Poste, ĉiutage ŝi atendis min antaŭ la barilo de l'universitato kun bukedeto de diantoj, kiujn ŝi proponis jam dum la konfuzita, trema manopremo.

Mi ilin akceptis, — sen plezuro, komprenebla, ĉar mi ne sentis emon al ŝi, mi dankis ŝin kun malvarma rideto kaj, certigante ŝin, ke mi estas tre okupita (per ekzameno aŭ kunveno), ni rapide disiĝis.

Tuj mi direktis min al la kontraŭa fino de l' urbo, spiregante kaj malsate mi sonorigis sur nigra fera pordo kaj longe, dum horoj, mi atendis, ĝis al mi malfermis ĝin — la hazardo.

Tie ĉiam oni min akceptis malvarme, sindetene, duonŝerce... Ne, ne! Estis io ankoraŭ pli malbona!

Mi tion vidis, sentis, sed toleris, ĉar tie loĝis tiu, kiun mi amis.

Mi lasis tiujn samajn florojn, kiujn donacis al mi la pala knabino, kaj kelkfoje, kiam mi havis monon (kio malofte okazis), mi aĉetis ankaŭ aliajn, multajn florojn, kiuj plaĉis al ŝi, sed ŝi akceptis ilin malvarme.

— Denove floroj, kial? — lace kaj enue ŝi demandis kaj metis ilin kien ajn.

Elirante, mi koleris al mi mem, mordis miajn lipojn kaj multfoje ĵure promesis ne plu eniri tiun fremdan kaj malbenitan domon.

Sufiĉas, mi diris al mi, humiliĝoj, doloroj kaj memtrompoj... sufiĉas.

Sed la postan tagon mi ree troviĝis antaŭ la nigra neĝentila pordo, en la vasta kaj hela ĉambro, antaŭ la belaj, sed... indiferentaj okuloj.

Iun vesperon mi estis revenanta malfrue, same tiel frapita, premita kaj malgaja.

Mi iris malrapide tra la surda kaj polvoplena strato, preskaŭ trenis miajn krurojn kaj meditadis. Ne, pli ĝuste mia kapo estis flamiĝinta pro la konstanta turniĝanta malgaja penso.

— »Kial, kial ni amas tiujn, kiuj ne amas nin... kial estas metita ĉi tiu malkontento en la homa animo, kvazaŭ malbeno. Kaj ĉu ĝi ne estas branĉeto de la eterna maltrankvilo — la serĉado de Dio.«

Verŝajne mia memforgeso... mia malespero atingis tian gradon, ke mi meditadis laŭte.

Ĉar iu kriis malantaŭe »jes« kaj facile amike kaptis mian manon.

Mi turnis min...

Estis mia knabino. Ŝi tenis kvin ruĝajn diantojn, ligitajn zorgeme per blua rubando.

Ni rigardis nin silente longan tempon kaj fine komprenis, ke la doloro de ni ambaŭ estis la sama.

— Ni pasigu kune tiun ĉi nokton! — Ŝi diris al mi kuraĝe kaj insiste.

— Sed... mi havas morgaŭ ekzamenon.

— Mi scias.

— Do?

— Nenio. Gis la dua horo kaj poste... — murmuretis ŝi petege, ne finparolis kaj premis mian manon.

Varma estis tiu malgranda fidema maneto.

Mi submetiĝis.

— Nur... ne hejme!

Ŝi aŭdis tion malgaje kaj bedaŭre.

— Bone... ne hejme...

Ni iris en modestan, malforte lumigitan drinkejon. Neniu estis en ĝi. Ni mendis bieron, almanĝaĵojn kaj dum la tuta tempo silentis.

Ŝi ĉiam frapis la glason du-tri foje, rigardis min per siaj okuloj lumiĝintaj pro ĝojo kaj premis mian manon sub la tablo; jen la fingrojn, jen la manplaton, kiu ŝajnis grandega por ŝiaj etaj kaj malfortaj manoj.

Fine, laciĝinte, ŝi delasis ĝin, facile kiel infano ĝemis kaj ridetis, sed per tiu nedaŭra rido, kiu najbaras kun la ploro.

— Nun, ĉu ni disiĝos?

— Jes.

— Por ĉiam.

— Kiel vi volas.

— Ne... kiel vi volas.

— Tute egale al mi.

— Mi scias.

— Do...

Ŝia bonanima aspekto ŝanĝiĝis.

La rideto malaperis.

— Adiaŭ! — kliniĝis ŝi, kisis mian manon kaj malaperis.

Mi plu ne vidis ŝin. Kaj kiu ŝi estis: ĉu karno, materio, realaĵo aŭ nur spirito, aperaĵo de la malsatiĝinta imago. Kaj ŝia amo, la libervola sufero, ŝiaj humiliĝoj?... Poste mi komprenis... sed, malfrue!

La samajn diantojn ankoraŭ freŝaj kaj helruĝaj, mi donacis al tiu, kiun mi amis, kiu estis ĉio por mi kaj al kiu mi estis tiom necesa, kiom deŝirita butono de ŝia ŝuo.

Post du tagoj mi trovis ilin, forĵetitaj inter la

# POEMOJ DE LI-TAI-PO

## EL LA ĈINA: K. KALOCSAY

Al sro *Sunjon*. Hangchow, kun kora danko pri la afabla helpo

### La kanto de malĝojo

Mastro, vinon havas vi, sed verŝi ne bezonas.
Min aŭskultu nun: la kanto de malĝojo sonas.
Se l' malĝojo venas, rid' kaj kanto svenas,
En la vasta mond' neniu mian koron konas.
Jen la malĝoj', ho ve!
Jen la malĝoj', ho ve!

Vastaj, ventraj vinpokaloj al vi apartenas,
Mi senvelkan, sveltan liron lule ludan tenas,
Vin' kaj lir', vi scias, ĉarme harmonias,
Ol la oro pli valoras, se l' pokaloj plenas.
Jen la malĝoj', ho ve!
Jen la malĝoj', ho ve!

La ĉielo kaj la tero daŭras ja sen fino,
Sed ĉu longe ĝojos ni pri oro, jado, vino?
Longa la jarcento, pasas kvazaŭ vento,
Kaj naskiĝ' kaj morto estas nepra homdestino.
Jen la malĝoj', ho ve!
Jen la malĝoj', ho ve!

La simio sola sidas sur la tombo vala,
Kaj ĝemante plendas pri la plena luno pala,
Jen la temp', amikoj, vinon al kalikoj!
Drinku, drinku unuglute ĝis la fund' pokala!
Jen la malĝoj', ho ve!
Jen la malĝoj', ho ve!

### Sola dum drinko sub la Luno

Ĉe plena vinpokal', en jasmenlaŭb' agrabla
Mi sidas sola nun, sen drinka kompanio.
Invitas Lunon mi kun glasolev' afabla,
Kaj mia ombro: jen la tria por la Trio.
Sed drinki mia Lun' ne estas ja kapabla,
La ombr' imitas min, sed glutas el nenio:
Do trinkas mi por tri kun soifego sabla,
Printempo! Jen la temp' de ĝuo kaj ebrio!

Kaj dum mi kantas, jen, la Luno ride haltas
Kaj dum mi dancas, jen, la Ombro same saltas,
Tiel, ĝis ebriiĝ', ni distros nin kaj ĝuos,
Disiĝos poste ni kaj dormos en ebrio
Kaj drone en la dorm' konsentos ni pri tio:
Ni sur la Lakta Voj' eterne rendevuos.

### Antaŭ drinko

Jen — Rivero Flava fluas el ĉielo al la maro,
Entorentas kaj neniam sin returnas al la ter',
Jen — spegulo nia brila plendas pri la blanka haro,
Silke nigris ĝi matene, neĝe blankas je vesper'.
Oni vivas, oni devas do la vivon ĝui tute,
Verŝu, svingu la pokalon al la Luno drinksalute,
Donis la ĉiel' talenton, ĝi ne batos eble venton,
Kaj la mon' revenos eble, kiun mi disĵetis ŝute.
Ŝafon rostu, bovon buĉu, maĉu, manĝu, drinku, suĉu,
Lasu, ke mi trinku tricent vinpokalojn avidglute!
Ĉen-Fu-Ĉi, Dan-Ĉiu,
Drinku kaj ĝojkriu,
Drinku ne ĉesante!
Kaj orelojn donu al mi kaj min aŭdu vinon psalmi,
Vin amuzi kante!
Sonorilo, voĉ' tambura, riĉa rizo, jen nenio!
Mi eterne volas drinki kaj ebrii sen konscio!
Kial saĝon oni ĉasas? Scio, gloro, ĉio pasas,
Kaj senmortas nur Li-Tai-Po, se li drinkis ĝis ebrio!

### Nokta penso

Antaŭ lito blanke brila luno floras,
Super tero kvazaŭ prujno blankkoloras.
Kapolevo: brilan lunon mi rigardas,
Kapoklino: naskvilaĝon mi memoras.

### Kanto de Ĉiu-Pu

Tridekmil futojn longa estas blanka har',
Ĉar same longe la ĉagren' sin trenas,
Ne scias mi: de kie en spegula klar'
Ĉi tiu prujno de aŭtun' devenas.

### Sola sur King-Ting-monto

Birdar' forflugis alten kun flugila sving',
Foriris sola nub' de l' ĉielbluo.
Interrigardas mi kaj monto de King-Ting.
Senfrate solas ni, sed sen enuo.

### Surmonta dialogo

Vi miris: Kial loĝi sur la verda mont'?
Mi ridas liberkore, sen respondo.
Persikofloroj dance naĝas sur la ond'
For de la homoj, al alia mondo.

librojn, leterojn kaj kovertojn de mia kamarado, studento.

Jam ĉe la podro mi ekrigardis mirigite al ili.

— De kie...

— Ĉu la diantoj?

— Jes.

— Hm! Ĉu mi diru, mi ne aĉetis ilin. Ia ino venas konstante...

— Konstante?...

— Eĉ... fine ŝi tedis min... Ĉu ŝi ne povas tion kompreni aŭ... ne volas? Al mi estas tute egale... Morgaŭ mi ŝlosos por ŝi la pordon. Jes-s-s! — kaj li kuŝetis sur la liton kun manoj rabeme puŝitaj en la poŝojn.

— Ho, mi amas knabinon — larmo, kanto, mi diras al vi. Mi skribis al ŝi, petis ŝin, sed ŝi ne respondis al mi. — Tia hontema, pala... malalteta, kun pura animo kaj... malsekaj okuloj. Ĉirkaŭ la barilo de l' universitato mi vidis ŝin... ofte... antaŭe... Kaj nun... atendu, mi sendos al ŝi tiujn florojn, nu — kion vi pensas?

Tie ĉi la doktoro haltis, la orkestro ekludis denove.

Kun aŭtora permeso, el la bulgara : *Iv. H. Krestanov, L. K.*

*Panĉo Mihajlov* (naskita en 1897. Ŝtip, Makedonio) estas juna bulgara beletristo kun iom sociala tendenco kaj delikata erotiko. Liaj rakontoj ofte aperas kiel felietonoj de ĉefurbaj (Sofiaj) gazetoj. Publikigitaj estas de li : »La festo de l' kapelo«, »Bulgaraj noveloj«, »Konfeso«, rakontoj ; »Sub la tero«, novelo ; »Malgrandaj rakontoj«, »La ruĝaj diantoj«, rakontoj. Unu el liaj noveloj estis filmita, kaj sukcese prezentita en Sofiaj kinoj. Neelĉerpebla kaj ankoraŭ multe promesanta. Amiko de Esperanto, kiun li nun lernas.

---

# LA MEZEPOKA ESPERANTO

*KOPAR*

Vere, estas granda neglektemo de mia flanko, ke mi ankoraŭ ne prezentis al vi mian amikon C. E. R. Bumy. Ĉar li estas tre originala homo, kun siaj eternaj problemoj, eterna senkombeco, eternaj tri libroj sub la brako. Kio estas lia profesio? Mistero. Eĉ tion mi ne kuraĝas aserti decide, ke li manĝas, kiel la ordinaraj homoj. Eble el antikvaj kaj mezepokaj poemoj li elsuĉas por si ian ambrozion. Eble pro tia etera nutraĵo li estas tiel diafane malgrasa.

Li estas espisto. Mi varbis lin jam antaŭ longe. Tuj li ekinteresiĝis kaj eksprese li ellernis la lingvon, laŭ sia maniero : li lernis la gramatikon, poste la vortaron, poste li ellegis mian bibliotekon. Post ok semajnoj li jam liveris al mi — tute pretan reformprojekton. Mi priridis lin, klarigis, ke Esperanto estas vivanta lingvo, havas popolon, oni ne plu povas ĝin tondi kaj glui laŭplaĉe. Mi demandis, ĉu li kuraĝus reformi vivantan nacian lingvon, ekzemple la hungaran?

— Kial ne? — li respondis.

— Kaj ĉu vi sukcesus akceptigi vian reformon?

— Eh! Ĉu tio gravas? — li mansvingis, tute malŝate pri mia »naŭza realismo«.

Tamen, ĝis nun li ne liveris al mi la grandan reformon de la hungara lingvo, kaj enterigis ankaŭ sian Esperantan reformon. Li komencis labori literaturе. Kompreneble dum tio li inventis kelkajn aferojn. Mi menciu nur la prepozicion *graŭ*, kiel »senmaligon« de *malgraŭ*, kaj la adjektivon *ica*, kiel »senmaligon« de *malica*. Liaj lingvaj konsiloj ĉiam estis frapantaj, vere kapfrapantaj. Foje oni diskutis pri la tro longaj vortoj : estinteco, estanteco, estonteco. Iu insistis pri la formoj : pasumo, nuntempo, futuro, alia riskis : itempo, atempo, otempo.

— Azenoj vi estas! — interkriis nia C. E. R. Bumy. — Jen la sole ĝusta solvo : *timpo, tampo, tompo!*

Jes, tia li estas. Ĉiam li havas geniajn ideojn, kaj ĉiam li malprosperas kun ili. Sed tio ne interesas lin. Li ja ne estas »abomena realisto«.

Lastatempe li ŝajne elreviĝis pri Esperanto, ne sufiĉe taŭga por naski problemojn. Mi longe ne vidis lin en la grupo. Hazarde ni renkontiĝis sur la strato.

— Nu? — mi demandis riproĉe. — Kial vi perdiĝis?

— Mi estas tro okupita.

— Problemo?

— Jes. Sed nun ne literatura. Mi laboras pri teknika problemo.

— Teknika problemo?

— Jes. Sed tio ne interesas vin, vi, versvermo!

— Eĉ, tre interesas min, vi, realisto! Rakontu do!

— Nu, mi provos al vi komprenigi la aferon. En la tuta mondo, vi scias, estas granda ekonomia krizo. Kial? Ĉar oni ne povas tiom konsumi, kiom oni produktas. Kial? Ĉar oni produktas per maŝinoj kaj konsumas per homfortoj. Jen la granda malegaleco! Kompreneble homo ne povas konkuri kun maŝino, sekvas troproduktado, laborĉesigo, senlaboreco. Ĉiu homo scias tion, kaj, ho, la azenoj, tamen ne trovis la solvon. Mi devis alveni rekte el la paĝoj de mezepoka fablolibro por solvi la problemon. Kvankam ĝi estas ja ovo de Kolumbo. Maŝinon oni devas meti kontraŭ maŝino. Mi jam projektis preskaŭ komplete.

— Kion?

— Homo! eĉ nun vi ne divenas? La *konsummaŝinon!*

— Ko... ko... kons...

— Kial vi balbutaĉas? Jes, la konsum-maŝinon. Oni simple ekirigos mian maŝinon kaj ĝi konsumos. Ho, kiel ĝi konsumos! Per centoj kaj miloj da ĉevalpovoj ĝi konsumos! La magazenoj malpleniĝos fabelrapide! Oni ree devos produkti, la fabrikoj ree eklaboros, la senlaboreco ĉesos. Mia maŝino forblovos la krizon! La mondo estas savita!

— Mi gratulas! Kara Bumy! Mi gratulas! — mi kriis entuziasme premante lian manon. — Vi estas geniulo! Ĉiam mi sciis tion!

— Mi dankas. — Li diris memfide. — Nu, kaj kion vi faras? Ĉu vi ankoraŭ esperantas?

— Jes. — Mi diris tre modeste. — Ekiros ree Literatura Mondo.

— Eh! — Li mansvingis malŝate.

— Kial eh? Vi ofendas min per ĉi tiu eh.

— Kion fari? Mi devas diri eh. Kion komenci per lingvo, kiu ne havas arkaikajn formojn. Mi tradukis mezepokan fablon kaj ĝi fariĝis moderna, kvazaŭ gazetartikolo. Al la diablo tiun lingvon, en kiu oni ne povas traduki la Kuriozajn Historiojn de Balzac, ne farante el ili enuajn modernajn trivialajn klaĉaĵojn.

— Sed, kara Bumy! — mi diris. — Esperanto estas juna lingvo! Ankaŭ Dante apenaŭ estus povinta siatempe uzi arkaikajn formojn. Sed la lingvo evoluas, iom post iom kelkaj ĝiaj elementoj eluziĝos, elmodiĝos, kaj tiam...

— Dankon! — li interrompis krude. — Ĉu mi atendu kelkajn centjarojn? Mi ne havas tiom da tempo. Cetere — mi tute ne havas tempon. Adiaŭ.

— Haltu! — mi postkriis lin malespere. Li haltis.

— Nu?

— Kara Bumy! — mi subpremis rideton. — Se tiel mankas al vi la arkaika Esperanto, faru ĝin mem.

— Ĉu mi? Kiel? — kaj la brilo de »problemo« ekfajreris en liaj okuloj.

— Nu, simple. Esperanto estas, ĉu ne, ĉefe latinida lingvo. La arkaikaj formoj de la latinidaj lingvoj propre estas kvazaŭ transiraj formoj inter la nuna lingvo kaj la pura latino. Elcerbumu do tiajn transirajn formojn ankaŭ por Esperanto kaj vi havos, kion vi bezonas.

— Jen la unua saĝa vorto, kiun mi aŭdas de vi! — li kriis kaj sensalute ekskvingis siajn longajn piedojn. La manoj en la poŝoj, la kapo profunde klinita,

# Ses poemoj

## Hilda Dresen

### Betulo

Malmulton bezonas okulo
Por esti ravita:
Jen tegis sin nuda betulo
Per verdo subita.

Ho, kia belec' senmezura:
Betul' beltalia
Sur fon' de l' ĉielo lazura
En rob' freŝfolia.

Sur blanka trunketo diskreta
Vual' bonodora...
Ekvibras en koro sekreta
Sopiro dolora.

### Paduso

Paduso, reĝino de l' nordo,
Kun blanka floraro,
Unua printempa heroldo,
Ornam' de l' kamparo.

En ĉiu ĝardeno vi floras,
Ĉe ĉiu dometo,
Agrable kaj dolĉe odoras
En nokta kvieto.

Kaj kvazaŭ neĝeroj, hezite,
Petal' post petalo,
Ŝutiĝas florar' via glite
Dum sia disfalo.

### Norda naturo

Kiel pinet', baraktanta en marĉo senfunda,
Kiun enue ornamas nur musko abunda,
Estas la norda naturo obstine persista,
Melankolie rezigna, sed ne pesimista, —
Ĉar en la marĉolagetoj ja sin respegulas
Ankaŭ kelkiam la gaja ĉielo lazura,
Super la kriplaj pinetoj brilegas kaj brulas
Dum noktohoroj stelaroj en alt' senmezura, —
Kaj dum aŭtun' la eriko abunde ekfloras,
Violkoloras kaj dolĉe, miele odoras,
Dum postrigardas la marĉo senspire, sopire
La forflugantajn gruarojn, voĉantajn forire.

### Vintra luno

La plenlunaj vintronoktoj estas nedireble belaj:
Froste bluas kaj arĝentas neĝo pro la luna bril'.
Al ĉiel' en muta preĝo sin etendas la malhelaj
Kriplaj branĉoj de pomarboj, dormetantaj en trankvil'.

Kaj arĝentaj rememoroj la animon preterglitas,
Rememoroj lune mildaj, flustretantaj al la kor',
Kaj de la fenestro rava nun foriri mi hezitas
Malgraŭ tempo enlitiĝa, malgraŭ la malfrua hor'.

Ankaŭ en la ĉambron falas luna brilo tra l' kurtenoj:
Kuŝas en timiga, prema senviveco la meblar'.
Riproĉete alrigardi ŝajnas la kanapkusenoj,
Kaj fantome kvazaŭ glitus la lunlum' laŭ la klavar'.

Nun la mildaj rememoroj forviŝiĝas de l' animo:
La lunbrilo froste morta ŝajnas pleni je danĝer'.
Inter la senvivaj mebloj kaptas min subita timo:
Malgraŭ la lunlumo kvazaŭ kuŝus mi sub nigra ter'.

### Sensenteco

Eble nur ŝajnas la koro sensenta,
Froste glacia kaj indiferenta,
Ofte sub masko de morta kvieto,
Senpasieco kaj ŝajna vegeto,
Ardas kaŝite sopiroj kuraĝaj,
Iel similaj al birdoj enkaĝaj, —
Kaj en ĝardeno de la fantazio
Brilas kalikoj de floroj belformaj
Al realeco neniel konformaj,
Bonodorantaj nur je iluzio.

### Senpove

Ĉu al niaj sentoj povas ni ordoni
Kaj malhelpi al la amo ekburĝoni?
La petalojn ruĝetantajn al la koto
Disĵetadi sen kompato kaj dorloto?

Kaj se de la amo bela glite falas
Kontraŭvole la petaloj kaj ekpalas,
Ĉu vi povas ilin ĉiujn rekolekti,
Per ruĝeco revivigi kaj kunplekti?

kvazaŭ sub la ŝarĝo de la »problemo«, li velis for.

Post kelkaj semajnoj subite malfermiĝas mia ĉambropordo kaj tempeste enflugas C. E. R.· Bumy.

— Jen — li diris sen enkonduko kaj ĵetis sur mian skribotablon dikan kajeron. Mi rigardis.

*Grammaticu kay vocabularu antiques mundales lingues Sperantu.*

— Jen ! — li ripetis triumfe. — Vi povas ĝin eldoni. Oni povas el ĝi lerni la Esperanton de la mezepoko, la Esperanton de la Rolandkanto, de Vogelweide, de Francisko de Assisi. Vi estis mizere senpovaj, malriĉaj, nun vi riĉiĝis. Esperanto estas savita !

— Ne koleru, kara Bumy, — mi diris, — sed tio ne estus ĝusta sinsekvo : fari antaŭe arkaikan gramatikon, kaj poste serĉi al ĝi arkaikajn tekstojn. Trovu kelkajn tiajn fosilajn tekstojn kaj poste komentariu ilin per tiu ĉi grandioza verko.

— Ho, ĉi tiun pretekston mi antaŭvidis ! — li triumfis. — Jen, kion vi volas ! Eterna gloro de Hungarlando estas, ke ĉi tie, en la antikva monaĥejo de Utop, mi trovis ĉi tiun pergamenon, devenintan el la fino de la dekdua jarcento. Sur ĝi vi trovos en la mezepoka Esperanto la laŭvortan tekston de la Primorta Prediko : la unua prilingva dokumento de la hungara lingvo. Legu kaj miru !

Mi legis. Sur flaviĝinta pergameno, kun belaj ruĝaj inicialoj, kun la splitaj gotikaj literoj de la mezepokaj manuskriptoj, tie antikvis la teksto. Pene mi deĉifris :

Widats wui, confratruy, quio nui estams ? Ya pulvu kaj cindru estams. En quiomt graceu principe Diu creays nuialn praun Adamun kaj donnays ad llui paradisun quiele domun. Kay ell omn fructuy trovibiluy en paradisu dirays al llui wiwir. Solel interdirays al llui unes arbores fructun. Sed Llui dirays al llui, pro quio llui ne mandduz. Ya, quiudie tui manddors ell fructu, tui mortors mortes mortun. Avdays suialn mortun de creatoru Diu, sed oblivays. Llui cedays diaboles tentun kaj manddays ell fructu kay en fructu manddays mortun. Colerays Diu kay lluin jectays ad istiunci laborosun mondun. Kay llui fiays nestu mortes infernesquay. Kay totu lluial gentu. Quiuy estas istiuy ? Nui estams, quiele powats wui widir per wuialy occuluy. Ya nec un homu povas ewitir istiun cavun. Ya nui chiuy estams irantuy ad iddi. Nuy pregiumz pro favoru siniores Diu por istiu animu, que Llui habuz al llui indulgun kaj misericordun kaj pardonnuz al llui lluialyn culpuyn. Kaj nui pregiumz sanctan mullyerun Maria kaj beatun archangielun Michaelu kaj chiomt ang'elun, que illi pregiuz por llui. Kay pregiumz sanctun s'niorun Petru, ad quiu donnatis potentu kay ligir kay solwir, que llui solwuz chiomt lluialyn culpuyn. Kaj nui pregiumz chiomt sanctuyn, que illi estuz al llui auxilu coram nuial sinioru Diu. Que Diu pro illialy pregiuy pardonnuz lluialyn culpuyn kay libericuz lluin de diaboles persecutuy kaj infernes turmentuy. Kaj Llui conducuz lluin ad paradisaln tranquilun kay donnuz al llui voiun ad cielun kay partun ell chiomt bonu. Kay clamutz tri foiuyn : Kyrie eleison !

Amatuy fratruy ! Pregiumz por animu isties povres homnes, quiun Sinioru ell falses mundes carceru hodie salvays, quies corpun hodie nui entericams. Que Sinioru lluin locuz cum favoru en sinun de Abrahamu, Iacobu kay Isacu, que en ultimo jugiu Llui rewiwicuz lluin por commandir lluin dextre inter Lluialy sanctuy kay electituy. Kay anch wuin. Clamate ter : Kyrie eleison !

— Nu ? — li demandays, pardonon, demandis, kiam mi estis fininta la legon.

— Mi gratulas ! — mi kriis entuziasme. — Tiu ĉi malkovro certe tute konfuzos ĉiujn esperantologojn, kiuj kredis ĝis nun, ke Esperanto estas la verko de Zamenhof. Jen, la embrio de la lingvo ekzistis jam en la mezepoko kaj kaŝe ĝi evoluis sur ĝis nun netrovitaj pergamenoj. Ĉu vi ne serĉos ilin ? Ĉu vi ne volas trovi ekzemple la lingvon de la dekkvina jarcento ?

— Eble mi trovos ĝin, — li diris reve. — Kaj tiam mi eklaboros ! Mi tradukos en la trovotan lingvon la tutan *Rabelais* kaj la tri dekojn da Kuriozaj Rakontoj de *Balzac*. Ĉu ne, Literatura Mondo eldonos la librojn ?

— Ne ! — mi diris tute decide.

## EKLOGO V

***1889***

***Jaroslav Vrchlicky***

*La padus' odoras en aer' kristala,*
*sub piedo via tremas muska bed',*
*de la lago sonas tono bakĥanala,*
*de kratagoj falas brila flora ret';*
*miras vi kun ĝoja larm'*
*kial tia ĉarm' ?*
*Svarm'*
*diras birda supre, flora ĉe la ter' :*
*Ne alia de l' printempo estas manier' !*

*Via spir' padusa, brila la okulo,*
*dum sub mia mano tremas via brust'.*
*Fontas miaj kantoj el la korangulo*
*kiel riverfonto el rokara krust' ;*
*miras vi kun ĝoja larm'*
*kial tia ĉarm' ?*
*Svarm'*
*diras birda supre, flora ĉe la ter' :*
*Ne alia de la amo estas manier' !*

El la ĉeĥa : ***Rud. Hromada***

# K. R. C. PLISTURM

## INTERVJUO KUN LA MONDFAMA KRITIKISTO

Grandega estis al mi la honoro!

Imagu, ke mi, Smefsek, nekonata sentaŭgulo, sidas kontraŭ la fama K. R. C. P., tiu fiŝsanga K. R. C. P., kiu jam en sia junaĝo rompis la korojn de cent poetoj!

Jes, estis vere li, malantaŭ sia glaso da lakto.

Lia marmora frunto brilis kvazaŭ novefabrikita dentaro, kaj lia pajlsimila hararo kuris konfuze, nezorgite, en ĉiudirektaj linioj ĉirkaŭ lia kapo.



Eĉ nun, ĉetable, li legas!

Ian psikologian verkon, sendube. Ne eble vidi la titolon, ĉar, kiel vera libroamanto, li ĉirkaŭvolvis la libron per ŝirma kovrilo.

Ha, jen li nun turnas momente la valoran kapon por rigardi la servistinon kaj mi vidas la titolon sur la kapo de la paĝo: »Les amours d' une jeune fille«. Nu, mi ne komprenas la grekan lingvon, sed sendube la verko pritraktas ian profundan temon.

Fine li rimarkas min! Ĝentile li fermas la dekstran okulon kaj skuas la maldekstran orelon.

— Bonan!



Mi apenaŭ povas kredi la proprajn orelojn! La altestimata efektive alparolas *min* — kaj per unu sola vorto samtempe montras sian enviindan parolkapablon.

Mi kaŝas mian emocion kaj samtone respondas:

— Bonan! — kaj poste, kun neatendita kuraĝo mi parolas plu:

— La redaktoro de L. M. min komisiis vin intervjui.

— Ĉu vere? Nu, do, mi estos tre kontenta!

— Mi dankas. Eble, do, vi bonvolos respondi du-tri demandojn?

— Kun plezuro!

— Kion vi opinias pri la Esperanta literaturo?

— Aĉa!

— Nu?... tre aĉa?

— Ho, mil pardonojn! Mi ne diris »aĉa«, mi nur ternis!

— Ho, mil pardonojn!... sed kion vi opinias?

— Mi diras kun bedaŭro, ke ankoraŭ ne aperis inter la esperantistaro vere brila verkisto.

— Sed estas *kelkaj* bonaj libroj, ĉu ne?

— Kredu min, mi jam recenzis cent librojn, kaj eĉ ne unu estis, laŭ mi, bona.

— Sed ekzemple »Rozo Ridetanta« de Sparks... tiu delikata historieto »Ekstraktismo«... kiam vi ĝin tralegis, ĉu ĝi ne...

— Haltu! Mi nur *kritikas* verkojn. Vi certe ne estas tiom infana, ke vi imagas, ke mi *legas* ilin?

— Ho... eb... eble... vi... kompreneble ne! Kaj kion vi opinias pri »La alta kvanto de l' amo« de la famekonata germana junulo?

— Tre bone presita!

— Jes? Kaj kio estas, laŭ vi, la plej bona Esperanta traduko?



— Nu, mi estas ja tro modesta...

— Ho jes! Kompreneble! Jes! Nu, mi estis speciale petata preni vian opinion pri »Tri anĝeloj alilande«.

— Hm. Mi bedaŭras, sed...

— Do?

— Ties verkinto havas komercan animon. Foje li konsilis min kritikadi laŭ maniero de vojaĝanta vendisto, tio estas, kun »kompreno« pri la deziroj de l' librovendistoj... brr!...

— Kiu estas la plej granda nuntempa verkisto inter la esperantistaro?

— Sinjoro Crux, la disorganiza sekretario de la Internacia Ventra Komitato. Mi tre admiras lian rondan kaj ampleksan stilon.

— Kion vi opinias pri L. M.

— Bonega! Tamen oni povus profite dediĉi en en ĝi pluan paĝon al kritikoj, al *miaj* kritikoj.

— Jes, jes! Vi kredeble memoras, ke antaŭ nelonge, vi iom akre kritikis poemeton »Ŝiaj okuloj«, kiun verkis iu »Korŝirita«.

— Ho jes! Tute hazarde, mi memoras tiun fuŝaĵon. La ritmo ekzemple estis aĉa, la poeta sento tute mankis, kaj...

— Haltu! La verkinto estas mi! Kaj vi, aĉulo, sentaŭgulo, detruis mian fidon je mia talento, rompis mian koron!

— Ho, pardonon, se mi estus...

— Jen via inda rekompenco!

Kaj mi salte leviĝis, kaj per la venenita ponardo, per kiu li skribas siajn pereigajn recenzojn, mi mortpikis lin. Poste, rapide, ne forgesante tamen kunpreni lian cigaredskatolon, mi rifuĝis.

*W. A. Gething.*



# LA PARADOKSOJ DE LA VIVO
## (REMEMOROJ)
DR. LEONO ZAMENHOF (WARSZAWA)

lena estas vivo je paradoksoj, en ĉiuj direktoj, eĉ en la sciencoj. Malgraŭ la grandega progreso de la medicino en la lasta tempo oni ĉiam pli kaj pli vidas la disvastiĝon de la kuracfuŝado, kiu ofte havas tian nekredindan sukceson inter la publiko, pri kia eĉ ne kuraĝas revi normala kuracisto. Kaj strange : ju pli civilizita estas lando, des pli grandan ĝuas sukceson la kuracfuŝistoj ! Bonega perspektivo por la medicina arto !

Ke mi ne ĵonglas per paradoksoj, ke mi parolas tute sincere, pruvos al vi unu el la epizodoj de mia vivo antaŭ 25 jaroj, kiam mi estis kuracisto en la rusa armeo dum la rusjapana milito.

Oni ne bezonas aldoni, ke Rusujo kiel reprezentanto de l' eŭropa civilizacio en Ĥinujo, ne elvokis grandan entuziasmon por si inter la tiea loĝantaro. Estis do tute nature, ke la ĥinoj rigardis nin, kiel siajn plej malestimindajn malamikojn. Kaj tamen tiu ĉi necivilizita popolo elmontris tiel grandan animkulturon en unu rilato, ke mi ĝis nun rememoras pri ĝi kun granda admiro.

En la rusa armeo estis malgranda ono, kiu diferenciĝis de la tuto per sia efektive altkultura konduto — ĝi estis la kuracistaro, alvokita al militservo el la civila loĝantaro. La rusaj kuracistoj efektive tre bele portis sian metian standardon. Tion eksentis de la unua momento la ĥinoj kaj malgraŭ malkompreno de la lingvo rusa, ekŝatis ilian grandan valoron. Ni kuracistoj tion klare vidis kaj niavice faris ĉion eblan por pravigi tiun ĉi konfidon al ni. La plej grava pruvo de tiu ĉi konfido estis la fakto, ke la ĥinoj, kiuj ĉiam kaŝis plej zorge siajn virinojn antaŭ la nesatigebla apetito de la rusa armeo, sentime enirigis nin en siajn familiojn.

La ĥinoj tute ne estis blindaj entuziasmuloj, kontraŭe : ili vidis en ni homojn tiel same neperfektajn, kiel la aliaj, sed ili kredis je nia bona intenco kaj sindono de nia homama metio. Plej bone ilustras tion la nomoj, kiujn ili donis al ni, kuracistoj. Estas malfacile traduki ilin esperanten. Mi tamen provos tion fari. La ĥinoj dividis kuracistojn en tri kategoriojn : «kmirajlo», «mnogo-kmirajlo» kaj «ŝibko-mnogo-kmirajlo». Tiuj ĉi vortoj estis stranga ĵargonmiksaĵo, kiu nature devis aperi ĉe la renkonto de la du malsamaj tute fremdaj lingvoj. Tradukitaj esperanten ili signifas proksimume «mortigulo», «pli granda mortigulo», kaj »plej granda mortigulo« tri laŭrangaj gradoj de militkuracistoj. Tiu ĉi sprita difino de niaj kuracistaj valoroj plej bone montras, ke la ĥinoj ne vidis en ni ĉiopovajn diojn, sed nur simplajn bonajn homojn.

La fakto, kiun mi sube rakontas, plej elokvente montros al vi tiun ĉi neordinaran rilaton de la ĥinoj al ni, kuracistoj.

La milito alproksimiĝis al la fino. Unufoje mi ricevis leteron de mia frato F. ankaŭ kuracisto, kun sciigo, ke li alvenis Ĥinujon kun unu el la lastaj transportoj el Rusujo. La lokon de sia halto li difinis neprecize per la vortoj : inter 67 kaj 68 stacidomoj. En Ĥinujo la stacidomoj plejparte estis sennomaj kaj havis dum la milito nur laŭvicajn numerojn. Ne vidinte longan tempon mian fraton, mi decidis viziti lin, tute ne antaŭsentante la malfacilecon de tiu ĉi entrepreno.

Estis varmega julia tago. Mi eksidis la unuan transportvagonaron kaj farinte la tutan vojaĝon sur lokomotivo, mi petis la maŝiniston halti ĝuste sur la duono de la distanco inter 67 kaj 68 haltlokoj.

Estis jam tria horo posttagmeze. La varmo estis netolerebla. Forlasinte la lokomotivon, mi turnis min al la stacidoma gardisto kun la demando, kie troviĝas la malsanulejo, kiu alvenis antaŭ kelkaj tagoj el Rusujo ? La soldato montris al mi direkton, ne sciante difini pli proksime la lokon. Mi senpripense decidis iri en la montrita direkto.

La kampo estis kovrita per maturiĝanta *gdolono* — speco de greno, kiu somere kreskas sur la tuta ebenaĵo de la norda Ĥinujo. Ĝi estas tiel alta, ke oni povas facile sin kaŝi, eĉ sidante sur ĉevalo. Farinte kelkajn paŝojn antaŭen, mi dronis tute en la senfina maro de tiu ĉi gdolono. Kiam mi post kelka tempo ĉirkaŭrigardis la situacion, mi vidis min ĉirkaŭita de nepenetrebla arbaro de gdolono kaj mi tute perdis la orientiĝon. Mi volis reveni, sed estis neeble — mi ne retrovis la vojeton, per kiu mi eniris. Mi provis voki la gardiston, sed vane ! Vole-nevole mi iris antaŭen, serĉante ian ajn eliron el la ĉirkaŭanta min gdolono. Post kelke da tempo fine mi ekvidis kampeton. Mi ekspiris pli libere. Ĉirkaŭrigardante tiun ĉi novan lokon, mi rimarkis kelkajn ĥinojn, laborantajn sur la kampo. Mi ne sciis, kie mi estas, sed mi tuj orientiĝis, ke mia situacio ne estas bona. En mia kapo subite reviviĝis ĉio, kion oni skribis kaj rakontis pri ĥinaj banditoj nomitaj *hunhuzoj*, pri iliaj kruelaĵoj kaj pri avertoj de rusa armeestraro, ne deflankiĝi de la ĉefaj vojoj pro danĝero, enfali en la manojn de hunhuzoj. Mian ŝanceliĝon ŝajne rimarkis la ĥinoj, rigardante min suspekte ; supozeble mia mieno ne estis tiel heroa, ĉar mi ekvidis rideton sur la vangoj de la knabo, kiu estis kun ili. Mi ekprovis paroli kun ili per rus-ĥina ĵargono, sed ili min ne komprenis. La situacio fariĝis ĉiam pli malagrabla. La ĥinoj komencis murmureti inter si, rigardante min deflanke. Precipe unu inter ili ne elvokis en mi konfidon al si. Li estis granda muskola viro kun straba okulo kaj kun granda pikfosilo en la mano. Mi komencis paroli geste, eluzis la supreicititajn vortojn rusĥinajn difinantajn kuracistojn por klarigi al ili, ke mi serĉas malsanulejon, en kiu troviĝas multaj «divers-mortiguloj». Ili respondis per gestoj kaj eĉ jesis per la kapoj kaj fine proponis al mi sekvi ilin. Mi nenion komprenis kaj estis certe, ke ili ankaŭ min tute ne komprenis. En mia ekscitita fantazio ŝajnis al mi, ke ili deziris konduki min al siaj kunuloj. Mi tamen faris ĉion eblan por ŝajnigi al ili mian trankvilecon. La irado ŝajnis al mi senfina, la grandega varmo faris mian situacion ankoraŭ pli netolerebla. Fine mi rezignis eĉ la penson min savi kaj meditis nur, kiamaniere defendi min en la okazo, se la «hunhuzoj» komencos min turmenti antaŭ la morto. Tion pripensante mi postiris miajn kondukantojn, tenante en la mano kiel minacon, nesargitan revolveron ! Mi rezigne atendis la epilogon.

Enprofundiĝinta en miajn pensojn, mi tute ne rimarkis, kiel mi subite aperis ĉe unu el la ĉefaj

vojoj kaj en kelkaj paŝoj de mi ekstaris rusa soldato!

Aŭtomate elŝiriĝis el mia brusto laŭta ekkrio. Min neniam tiel ĝojigis la vido de soldato, kiel en tiu ĉi momento! Vi povas diveni, ke kune kun tiu ĉi vido revenis al mi mia «braveco». Mi ekrigardis la kondukintajn min ĥinojn, estante certa, ke ili forkuros. Sed kia estis mia mirego, kiam mi ekvidis, ke ili staras tute trankvile apud mi kaj eĉ ĝoje rigardis la soldaton!

Kaj jen anstataŭ ĝojo koron mian ekpremis malagrabla sento... Do ĉio estis nur malsana fantazio!

La ĥinoj ne estis hunhuzoj. Ili min ne kondukis al morto, sed efektive tien, kien mi deziris. Mi vidas jam la ironian rideton sur la vangoj de kara leganto.

Permesu do iomete min senkulpigi. Mia situacio estis ridinda nur duone.

Kiam mi rakontis la tutan akcidenton al la kolegoj, al kiuj venigis min la ĥinoj, ili tute ne ridis, sed kontraŭe, estis mirigitaj, ke la akcidento finiĝis tiel feliĉe.

De la tempo, kiam ilia malsanulejo haltis, ĉiutage okazis kelkaj mortigoj de soldatoj, kiuj iom nesingarde forlasis la tendaron. La loka loĝantaro tiamaniere venĝis sin je la rusoj pri ĉiuj maljustaĵoj, kiujn ĝi suferis dum la milito. Se mi estis savita, mi devis danki ĝin al escepta feliĉo!

La situacio fariĝis al mi tute klara. Min savis ne

# Pro pomujo

**H. N. Bjalik**

Pri mia enamiĝo vi scivolas?
Mi enamiĝis pro pomuj'.
Ke la spirito kiel blovas,
Neniu scias, sed mi povas
Ateston doni al vi tuj.
Pri mia enamiĝo vi scivolas?
Mi enamiĝis pro pomuj'.

Ĝardenon belan havis onklo
Kaj belokulan filnjon karan,
Kaj fonto staris en ĝarden',
Verŝante kvazaŭ el Eden'
Mielan vinon, akvon klaran.
Ĝardenon belan havis onklo
Kaj belokulan filnjon karan.

Kaj tie estis kaŝanguloj,
Fruktarboj, riĉfoliaj plantoj,
Kaj dum la ardsomera bril'
Pleniĝis ĝi per floroj, kantoj,
Per ombroj kaj radioj mil,
Kaj tie estis kaŝanguloj,
Fruktarboj, riĉfoliaj plantoj.

Okazis en somer' zefira,
En varma tag' en ĉi ĝarden',
Ke mi kaj Perlo, la kuzino,
Vagadis tie por promen',
Junulo mi kaj ŝi knabino,
Ni ludis en somer' zefira,
En varma tag', en ĉi ĝarden'.

Ĝarden' — en rob' de bela verdo,
Sur ĉio — ĝoja suna rid'.
Ŝarĝite staris la pomarboj,
Jen pendis ruĝaj vinber-garboj
Kaj jen ĉerizoj — ĝoja vid'!
Tra l' ombroj de la bela verdo
Jen ĉie ĝoja suna rid'.

Dolĉtrile sonis pi, pi, cif, cif
De cent kaj mil flugilhavantoj,
El foliar' aŭdiĝis kantoj.
Moviĝis ankaŭ mia kor'
Al nova kant', al amsonor',
Dolĉtrile ehis pi, pi, cif', cif
Akorde al flugilhavantoj.

Kaj ludis kune, amindumis
Mi kaj Perleto, gajinfane,
Petolis, saltis manĉemane,
Kaj kvazaŭ ĉiu kantotril',
Sin miksis al ĉi ridjubil',
Dum ludis kune, amindumis
Mi kaj Perleto, gajinfane.

Kaj min ŝi nomis »diablido«
Kaj ŝin »birdeto« nomis mi,
Aŭ ŝin komparis al lili',
Moment' nebula, dolĉmemore!
Ŝi bela estis tiuhore!
Kaj min ŝi nomis »diablido«,
Kaj ŝin »birdeto« nomis mi.

Ni venis al pomujo bela,
Nin frapis ĝia bonodor'
Kaj kuzineto Perlo iris
Kun birdfacile de mi for,
Kaj manon levis kaj akiris
Branĉeton de l' pomujo bela
Kun ĝia frukt' kaj bonodor'.

Kaj baldaŭ poste ŝi revenis
En man' kun granda ruĝa pomo,
Ĝin mem gustumis, poste tenis
La reston ŝi al mia buŝ',
Ruĝiĝis mi je la ektuŝ'
De ŝia man', sed jen ŝi staris
Kun pec' da granda ruĝa pomo.



Kaj mi en pomo-blankon mordis,
Samkie mordis dento ŝia,
Mi sentis ŝian bonodoron
Kaj ebriigis mian koron
L' odoro, kvazaŭ dolĉa vin',
Degelis kor', ŝi venkis min.
De tiu hor' ŝi estas mia.



*El la antikva hebrea:* **J. D. Applebaum**

feliĉo, sed la signo de kuracistoj, kiun mi portis sur la ŝultroj! La ĥinoj efektive neniam atakis kuracistojn, eĉ se ili estis sendefendaj!

Ĉu ĝi ne estas bela ekzemplo de estimo por la medicino ĉe «nekulturaj» popoloj?

Mi ne scias, ĉu tiu ĉi rakonteto efikos sur vin, kara leganto, en la senco, reestimi vian kuraciston. Ĉiuokaze estas interese konatiĝi kun la ĥinaj moroj.

Se vi ne konfidas al via kuracisto, faru la samon, kion jam antaŭ multaj jaroj faris la prudentaj ĥinoj, pagante al siaj kuracistoj ne por la malsanaj tagoj de sia vivo, sed por la sanaj, tiam vi estos almenaŭ certa, ke la kuracisto sincere laboros por ke vi estu efektive ĉiam sana!

Ĉu tio ĉi ne meritas seriozan pripensadon anstataŭ serĉi savon ĉe kuracfuŝistoj?

---

# MALFELIĈA VILHELMO

## ANTOON BERGMANN

Ĉiumatene la regimentoj de la Brusela garnizono marŝas preter mia hejmo. Mi ne estas soldatema. Advokatoj ĝenerale ne estas tiaj: *cedant arma togae.*[1]) kaj tamen, tuj, kiam mi aŭdas la tamburon, mi lasas mian matenmanĝon, kuras al la fenestro kaj staras kun la nazo ĉe l' fenestro.

»Estas ja vere,« mi diras kun ia nacia fiero,« ke ni havas bonegan soldataron! Kiel gracie garnituritaj, varme vestitaj, pure ciritaj, bone nutritaj aspektas niaj soldatoj! Kiel kuraĝe marŝas la lipharaj oficiroj inter la vicoj! Kiel gaje kaj bonhumore resonas la dancigaj agordoj de la belga nacia kanto!«

Mi sentas, ke mi pli volonte irus al la ekzercejo, kie la bajonetoj brilas, la flagetoj flirtas, la komandoj resonas, ol -al la juĝejo, kie longe parolanta kolego endormigas tri malfeliĉajn juĝistojn.

»Kial vi ne sekvis vian naturan emon?« riproĉas min interna voĉo, »kial vi senkonsidere malŝatis vian inklinon? Eble vi nun estus ja orumita kaj stelumita premier lieutenant[2]), anstataŭ nigre vestita kaj lamentanta advokateto.«

Vere ja, tiu voĉo pravas, kial mi ne iĝis soldato?

Kiam mi pripensas tion, mi devas konfesi, ke neniam maskiĝis infano, kun pli da emo por la soldata vivo kaj pli bona inklino por la militarto.

Jam dum mia infaneco mi kuradis kun soldatĉapo kaj ligna sabro ĉe mia flanko.

La kamparaj knaboj el la najbaraĵo staris sub mia komando. Mi enregimentigis, edukis, rabotis, armis ilin kaj kiam ni parade marŝas preter la Teguldomo kaj nin metas en batalordo antaŭ onklino, ŝi devas konfesi, ke la rusoj kaj prusoj ne pli bone marŝis, kiam en 1814 ili preterpaŝis.

En la latina lernejo oni parolas nur pri ĉefgeneraloj kaj konkeristoj. Mi lernas sinsekve la gloron de Sesostris, Semiramis, Leonidas, Epaminondas, Aleksandro, Hanibalo, Scipio, Cezaro kaj Pompejo, ne parolante pri aro da aliaj militaj herooj el la antikveco, kiuj laŭvice estas nomitaj la *granda* aŭ la *nevenkebla.*

Mi admiras ilin ĉiujn laŭ la ordono de la instruisto kaj dum miaj liberaj horoj mi legas »*La vivo de Napoleon.*«

Antaŭ li paliĝas en miaj okuloj ĉiuj herooj el la lernejo.

Kia viro kaj kiaj tempoj!

Mia entuziasmo estas senlima. Kiam la verkisto priskribas Ulm, Aŭsterlitz, Jena, mi ebriiĝas de deliro. Mi kuniras batali, atakas la aŭstrianojn, la rusojn, la prusojn, dispelas iliajn armeojn, lasas milojn da mortintoj sur la batalejo kaj kiam la ekkrio »Venko!« leviĝas, mia koro batas kiel tiu de maljuna grizbarbulo. Berlinon kaj Moskvon mi eniras je la bruado de la tamburoj kaj la sonado de la trumpetoj; sed kiam venas la malfeliĉo kaj alproksimiĝas la malvenko, ho, tiam mia entuziasmo iĝas heroa kuraĝo. Kun la malgranda nombro da kuraĝuloj mi enviciĝas sub la glora standardo, kaj de tempo al tempo mi estas tuj ekkrionta kun la »*vieille garde*« senesperan »Vive l' empereur!«[3])

»Tiuj estis herooj, tio estis vivo,« mi diras al onklino; ĉar dum mia spirito venkas en Wagram aŭ batalas ĉe la Beresina, mia vanta personeto sidas en la malnova kanapo de la paca Teguldomo.

»Tiam la junularo rangaltiĝis! Tiam oni povis distingi sin kaj akiri gloron!« kaj en mia senpripensa entuziasmo mi sentas nur abomenon kaj plendon por la trankvila feliĉo, kiu ĉirkaŭas nin. Mi deziras novajn militojn, novajn batalojn, novan Napoleonon, por miavice laŭ liaj ordonoj marŝi, batali kaj venki.

»Ho, infano!« ĝemas onklino, rigardante trans sia ŝtrumpo, »vi ne scias kio estas milito, alie vi ne



*Antoon Bergmann*

[1]) La armiloj cedu al la togo (de l advokato) (R. d. t)
[2]) France: unua leŭtenanto (R. d. t.)
[3] France: »malnova gvardio« kaj »Vivu la imperiestro«. (N. d. l. t.)

esprimus tiajn blasfemajn dezirojn. Kion tiuj libroj diras, estas vanta brilo ; sed kiuj travivis ĝin, tiuj pli bone scias.«

Mi rigardas onklinon kaj ne povas preterlasi kompate eklevi la ŝultrojn.

Ĉu iu, kiu neniam forlasis sian kanapon kaj estas alveninta al sia dudeka paro da ŝtrumpoj, povas kompreni Napoleonon ?

Mi lasas la bonan virinon trankvile kolekti siajn trikerojn, malpliigi ĉe la kalkanetoj kaj rekomenci per la randetoj — sed mia koro, mia vivo, mia animo restas dediĉitaj al Li kaj al Li sola !

Tiel mi alvenas al la fino de la libro. Aliiĝas : mia duondio malsupreniĝas pli kaj pli, la falo estas proksima. Je la komenco de la lasta ĉapitro staras vorteto de ok literoj, vorteto, kiun antaŭ unu jarcento neniu konis kaj kiu nun estas redirata kun respekto aŭ malbeno en la tuta mondo ; vorto, kiu pli laŭte parolas ol ĉia militgloro, kiu pli alte sonas ol Napoleono ... la nomo de eta Brabanta[4]) vilaĝeto : »Waterloo.«

»Waterloo,« mi senvole laŭte legis.

»Waterloo,« ripetis onklino, kvazaŭ el revo vekita, kun ia emocio en la voĉo, kiu min tuj trafis, »tie restis mia malfeliĉa Vilhelmo !«

»Kiu ?« mi rediris. Estis la unua fojo, ke mi aŭdis tiun nomon.

Onklino hezitis dum momento kaj ŝajnis profunde meditanta. Ŝia bonema vizaĝo vidigis esprimon de malmildeco kaj doloro ; ŝia rigardo ŝajnis ŝvebanta en malproksimaj regionoj : la manoj falis senmove sur ŝiajn genuojn.

»Kia Vilhelmo ?« mi flustris.

»Nu jes — Vilhelmo Stolz«, denove ekparolis onklino, venkinte sian emocion, »mi rakontos al vi tiun malgajan historion kaj tiam vi ekscios, kial onklino estas kontraŭ la milito kaj tiel malmulte admiras vian Napoleonon.«

Kelkfoje onklino, perdiĝinta en profunda revado aŭ malgajaj memoroj sidis senparole rigardante, dum ŝiaj okuloj malbriliĝis, dolora rideto ĉirkaŭŝvebis ŝian buŝon kaj ŝia tremetanta mano karesis Man, la bonan Man, kiu inter ni ambaŭ sur la benko sidanta, same senmove rigardis en la flamon de la lampo, kvazaŭ li ankaŭ pensus pri aliaj tempoj.

»Nu, fraulino«, diris tiam nia Mie, singarde frapante ŝin sur la ŝultrojn, »forpelu tiujn memorojn. Erneĉjo rigardas vin tiel strange« ; tiam ŝi subite ŝajnis vekiĝanta el longa revo, kisis kaj enbrakigis min. kiu, malklera kaj nescianta, ridante ĝojegis, ĉar la malgaja virino estis malaperinta kaj la bona onklino retrovita.

Depost tiam mi scias, en kiaj tempoj vivis tiam la spirito de onklino, kiajn scenojn ŝi vidis en la malproksima estinto.

Sub la larĝa ombro de praa fagujo sidas respektinda viro, apud li du ĉarmaj knabinoj : la pli juna, gajema infano, kiu aŭskultis kun viglaj rigardoj kaj duone malfermita buŝo, dum ŝia blonda kapeto ripozas sur la ŝultro de ŝia patro, — la pli maljuna, bela fraŭlino brilanta de juneco, apoganta la nigrebuklan kapon sur sia blanka brako, profundiĝinta en serioza revado.

Je la kontraŭa flanko de la tablo staras juna oficiro en la pentrinda vestaĵo de la germanaj volontuloj. Entuziasmo kaj kuraĝo radias el la malhelbluaj okuloj, kun levita pokalo, li ripetas la kanton de Arndt[5]) kaj prikantas la liberan germanan patrujon.

Malproksime la junia suno subiĝas kaj ĝiaj purpuraj radioj sorĉas, tra la tremetanta foliaro, kvazaŭ girlandon de fajro kaj lumo ĉirkaŭ la entuziasma vizaĝo de la fiera junulo...

Estas nokto. Ĉi tie kaj tie vagas sorĉa lumo sur la izola kampo, kelkaj fantomoj ŝteliras en la mallumo, kelkaj ombroj ŝvebas sur la tero. Nenia krio, nenia bruo aŭdiĝas jam sur la loko, kie malmulltajn horojn antaŭe miloj da koleraj voĉoj leviĝis : la batalo estis finita, la batalejo estas forlasita ; tiuj, kiuj silente ŝteliras, serĉas rabaĵon, tiuj, kiuj senespere ĉirkaŭvagas, serĉas amikon.

Juna virino, sekvata de maljunulo kuras kaj serĉas jam dum multaj horoj ĉirkaŭ si. La espero ŝajnas forfluginta de ŝi, kiam en la malproksimo lamenta bojego de hundo atingas ŝiajn orelojn.

Ŝi kuras al la loko : ĉe la rando de monteto kuŝas tiu, kiun ŝi serĉas, dum la vebojado de la hundo rakontas al ŝi lian historion.

Man, la pudelo, estas ĉio, kion ŝi retrovas vivanta de Vilhelmo !

Jes, tiu bela fraŭlino de sub la fagujo, tiu senespera virino de la batalejo, estas la nuna griza onklino. Vilhelmo Stolz estas la mortigita soldato.

Vilhelmo studis en Weimar, kiam la liberiga ekkrio en Germanujo leviĝis : malgranduloj kaj granduloj, malriĉuloj kaj riĉuloj ribelis. Li forlasis la librojn por preni la armilon kaj rapidis liberigi la karan landon.

Rapide elektita oficiro de la volontuloj, li estis loĝigita kelkajn tagojn antaŭ la batalo de Waterloo ĉe mia avo.

Kuraĝa kaj fiera, kia li estis, entuziasma kaj plenfajra, li baldaŭ akiris la koron de la dudekjara knabino. Ŝi iĝis lia fianĉino kaj post la venko onklino, la tiama onklino, devus akompani la junan oficiron al Germanujo. La batalo de Waterloo frakasis ĉiujn ĉi esperojn kaj malgranda ringeto, — la fianĉringo, — sur ĝi *kruco, ankro,* kaj *koro* : — *kredo, espero,* kaj *amo,* — kiun onklino portas ankoraŭ sur sia malgrasa kaj sulketiĝinta mano, — estas ĉio, kio restis de tiu vivorevo.

Ŝi mem rakontis al mi dum tiu vespero, kun kortuŝa simpleco, tiun malgajan historion kaj finis per la vortoj : »nun vi scias, Erneĉjo, kial onklino ne ŝatas militon kaj admiras nenian Napoleonon, kaj se mi povas doni al vi konsilon : neniam iĝu soldato.«

Ĉu mi devas tion konfesi ? La ekzemplo de la malfeliĉa Vilhelmo kaŭzas terurajn detruojn en mia militemo. Mi ekdubas pri la milita gloro kaj demandas min mem ĉu marŝadi, batali, venki, sed precipe mortigi kaj murdi, estas do la destino de la homaro ?

Iom post iom la papera soldatĉapo estas malpli ŝatala, la ligna glavo ne plu estas bukligata, la kamparaj knaboj forgesas la komandon, maldisciplinigas ; Ernest fermas »*La vivo de Napoleono*« kaj ne iĝos soldato.

El la flandra : *Jan van Schoor.*

*Antoon Bergmann* (pseŭdonimo Tony) naskiĝis en 1835 kaj mortis en 1874 en Liero. La tie ĉi publikigita rakonto estas prenita el lia ĉefverko, »Ernest Staas«, kiu estas kolekto de bildoj kaj skizoj el la vivo de la aŭtoro kaj unu el la plej bonaj literaturaj verkoj, aperintaj en Flandrujo. *J. v. Sch.*

4 Brabanto estas Belga provinco (N. d. l. t.)

5 Germana poeto (1769—1860), kiu per fajraj poemoj alvokis sian sub la jugo de Napoleono ĝemantan patrujon por batali kontraŭ la subpremanto (1813). (N. d. l. t.)

# KRUCENIGMO

TAMÁS FALU



La tabloj estis kunŝovitaj, kovritaj de blanka tablotuko kaj sur la tablotukoj paradis puntaj manlaborajoj anoncantaj virinan lertecon. Perfidis sola pretera rigardo al la ordo de l'ĉambro, ke la domo atendas gastojn.

La edzo sidis en la angulo, kaŝinta sin post sia gazeto, por ke li ne estu malhelpo. La infano lernis en la alia ĉambro kaj la edzino, kvazaŭ marŝalo, kuradis el kaj en, en kaj el.

Subite ekkriis la edzino :

— Venas Baranyi !

Se ekzistus aparato, kiu montras, ke ankaŭ tra la spino de l' domo povas trakuri frosto, tiu ĉi aparato nun estus mezurinta frostotrakuron de — 30°.

Baranyi estis la teruro de l'urbo. Gasto plej teda, plej multe manĝanta, plej multe trinkanta, plej malfacile sin movanta, plej longe restanta. Tia homo, kiu tute fajfas pri tio, ĉu oni invitis lin, aŭ ne. Li sentis sin invitita ĉiam kaj ĉien, kvazaŭ li estus havinta konstantan kaj tutjaran senpagan bileton al ĉiuj tabloj de la urbo. Generale oni sciis pri li, ke li vizitadis la viandvendejojn, por ekscii, kien oni mendis viandon pli grandkvante ol kutime. Li eniris la spicejojn kaj interesiĝis, kiu dommastrino mendis neordinarajn kvantojn da spicoj, korintoj, nuksoj, migdaloj, ĉokoladoj, aŭ kien oni portis botelajn vinojn, pli ol kutime multajn botelojn da minerala akvo. Eĉ la servistinojn li haltigis sur la strato kun tiaspecaj ruzaj demandoj :

— Nu, kiel amuziĝis la gastoj hieraŭ ĉe la gesinjoraj moŝtoj ?

La servistino sensuspekte respondis :

— Ne hieraŭ estis tiu vespermanĝo, mi petas, ĝi estos nur venontan merkredon.

Baranyi tiam prenis la notlibron kaj ion enskribis. Ne malfacile diveni, kion.

— Tiu Baranyi venas! — konsterniĝis la edzo, frape ĵetante la gazeton. — Mi ne estas hejme !

— Bone — diris la edzino — do retiriĝu. Konfidu al mi la aferon. Malaperu. Vin mi ne bezonas, nur Joĉjon. Joĉjo !

Joĉjo aperis matantaŭ la pordo. Kajero estis en lia mano kaj krajono.

— Donu la kajeron kaj krajonon — diris al li la patrino. — Mi skribos ses vortojn unu sub la alian. Bone atentu, kion mi diras. Mi vokos vin unu post la alia sesfoje. Ĉiam mi demandos vin pri io. Unue vi respondos la unuan vorton, poste la duan, poste la trian poste la kvaran. Ĉu vi komprenis?

— Jes, panjo.

Oni frapis.

Enpaŝis Baranyi.

— Ej, ej, — li ekskuzadis sin — eble mi venas en malbona tempo? Mi ĝenas sinjorinan moŝton.

— Tute ne — respondis la dommastrino. — Sidiĝu. Eĉ, tre bone, ke vi venis, ĉar ĝuste mi havas grandan laboron. Mi solvas krucenigmon. Vi almenaŭ helpos min. La krucenigmo estas la provo de la ĝenerala scio. Vi, viroj, havas ĉirilate grandan avantaĝon super ni, per via granda instruiteco. Ni do komencu. 1. horizontale. La naŭa litero de la greka alfabeto.

— Mi devas konfesi, sinjorina moŝto, — ekskuzadis sin Baranyi — mi lernis sengrekan gimnazion.

— Do, ni iru plu. 1. vertikale. Vorto antaŭ absolutus, komenclitero A, naŭ literoj. Ĝi estas latina. Ĝin vi devas scii.

— Vere tre interesa gramatika demando — ridetis Baranyi acide. — Sed precize mi memoras, jes, kvazaŭ hodiaŭ okazus : ĝuste tiam mi havis variĉelon kaj verŝajne mi ne kompensis la lernomankon. Ĉu sinjorina moŝto neniam havis variĉelon ?

— Jes ja, mi havis kaj eble ankoraŭ mi havos. Sed kiel en la pasinto, ankaŭ en la estonto mi uzos eĉ tiujn ĉi variĉelojn por foliumi leksikonojn eĉ en la lito, ĉar mi ne volas, ke mia kulturo havu cikatrojn. Mia filo Joĉjo, kiu estas unuaklasa gimnaziano, ĝin verŝajne scios. Joĉjo !

Joĉjo brumalfermis la pordon, kvazaŭ la kukolo de kukolhorloĝo kaj atendis la demandon :

— Vorto antaŭ *absolutus*. Kio estas ?

— *Ablativus* — sonis la respondo kaj Joĉjo resaltis en sian ĉambron.

— Vi pravas — respondis la patrino — *Ablativus, absolutus*, ĉiu tion scias, kiu estis gimnaziano.

Sur la frunto de Baranyi ekaperis la unuaj ŝvitgutoj.

Mi miras pri Joĉjo — li ĝemis turmente, — Kvankam mi aŭdis, ke li refalis el sep.

— Unue, li ne povis refali el sep — defendis la filon la patrino, — ĉar estas nur ses lernobjektoj. Joĉjo refalis nur el ses. Sed tio ĉi estas profesora arbitreco, pedagogia misuzo, tirana venĝo. La infano estas genia. Al vi mi povas diri sekrete : la profesoro pritimas pro li sian katedron. 3. vertikale. Germana urbo kun 173000 loĝantoj.

Baranyi larĝe malfermis la okulojn, kvazaŭ li gapus la landkarton de Germanujo kaj ne povis trovi



*Rik Luyten*: Vesper-sonoj

vorton. Li nur sentis ke jam ŝvītas ankaŭ lia kolo kaj moliĝas lia kolumo.

— Joĉjo! — aŭdiĝis denove la voko kaj Joĉjo je la demando sencerbume respondis:

— Altona!

— Nu, jen tute facila demando — daŭrigis la inkvizicion la dommastrino. — 4. horizontale. La cikonio ĝin alportas.

— Infaneto, infaneto! — aplaŭdis pro la ĝojo Baranyi, feliĉe, ke li solvis unu demandon kaj tio eble donos sufiĉan bazon por resti por vespermanĝo.

— Hontu, maljuna kalvulo — riproĉis lin la dommastrino. — Ĉu vi do estas tiel naiva? Doni tian respondon en la jarcento de l' krucenigmo. Joĉjo!

Joĉjo, de la unua klaso, aperis en la pordo kaj trankvile respondis la metitan demandon:

— Printempo. La cikonio la printempon alportas.

— De Baranyi jam estis tute ŝvita ankaŭ la dorso, duonvive li tenis la du apogilojn de l' seĝo.

— Nun sekvos iometo da historio — aŭdiĝis la kuraĝiga promeso. — 5. vertikale. Alban-devena familio, kies kvin membroj estis grandveziroj dum 1656—1710.

Baranyi'n kaptis la vento de l' historio. Li sentis, ke li sidas en polva muzeo sub vitroklośo, en siatempa jako, en kol-atingaj botoj, kun inventaria numero sur la kolo, remburita, sen sango kaj vivo.

— Joĉjo! — sonis la krio al la najbara ĉambro.

La infano, de la unua klaso, respondis kun la preteco de scienculo:

— Köprili.

— Nu, nun vi ricevos ĥemian demandon, por agrabla alterno — anoncis la dommastrino kun afabla ĝojo. — 6. horizontale. La ĥemia signo de molibdeno.

Baranyi lace flustris:

— Mi ne komprenas. Kio estas molibdeno? se mi licas tion demandi. Nun mi aŭdas pri ĝi la unuan fojon en mia vivo.

Joĉjo, de la unua klaso, denove devis aperi, por respondi egalanime:

— M. o. Mo.

Baranyi jam estis en tia stato, kiam oni povas enigi la tranĉilon en la operaciotan malsanulon, riĉe stebitan per injektpikiloj.

La dommastrino, kiel bona kuracisto, jam kuraĝis riski la tranĉon kaj vokis al la servistino:

— Surmetu la tortojn, malgrandajn bakaĵojn kaj konfitaĵojn.

Superbelaj, superkoloraj, superodoraj sukeraĵartaj ĉefverkoj invadis subite la tablon.

La nazloboj de Baranyi estis ŝtoniĝintaj, ne sentis. Lia cerbo pilkludis per la köprili-oj kaj molibdenoj kaj hontadis ĉirkaŭ Altona. Li estis venkita kaj humiligita. Li jam ne plu volis manĝi, eĉ ne povis senĝene rigardi la tortojn.

— Vi povus resti, Baranyi — invitis lin la dommastrino. — Tuj venos la gastoj. Estos ĉe ni krucenigma ĉampion-konkuro. Konkuro pri inteligento.

Baranyi uzis sian ankoraŭ restintan forton por ekiregi al la pordo.

— Mi dankas, sinjorina moŝto — li balbutis, — mi rapidas, morgaŭ mi translοĝiĝos en novan loĝejon.

— Kie vi prenis loĝejon?

Baranyi respondis jam el la ŝtuparejo:

— Horizontala strato 37., dua vertikala, oka kvadrato.

El la hungara: *Karlo Bodó*

---

## *MODERNAJ FABELOJ*

# *II. Pri la ruza advokato*

*Francisko Szilágyi*

Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la Fabelmaro vivis kokideto. Ĝi skrapis, skrapadis sur la malpurejo. Foje la filo de la najbaro ĵetis ŝtoneton, ĝi falis rekte sur la kapon de la kokideto. Ektimis la kokideto, — ekkuris, kuradis kaj ĉiam kriadis:

— Ĉielfalo, tertremado, kuru, kuru!

Dumkure ĝi renkontis katon. Demandis la kato:

— Kien vi kuras, kokideto?

— Ho ve! Ĉielfalo, tertremado, kuru kun mi, kamarado!

— De kiu vi scias?

— Mia kapo spertis.

— Do, ni kuru kune!

Kuris, kuradis ili kaj renkontis hundon. Demandis la hundo:

— Kien vi kuras, kamarado Kato?

— Ĉielfalo, tertremado, kuru kun ni, kamarado!

— De kiu vi scias?

— Kokideto diris.

— Kaj ĝi?

— Ĝia kapo spertis.

— Do ni kuru kune!

Denove ili kuris, kuradis, ili renkontis virĉevalon. Demandis la virĉevalo:

— Kien vi kuras, kamarado Hundo?

— Ĉielfalo, tertremado, kuru kun ni, kamarado!

— De kiu vi scias?

— De la kato.

— Kaj ĝi?

— De la kokideto.

— Kaj ĝi?

— Ĝia kapo spertis.

— Do ni kuru kune!

Kuris, kuradis ili, fine renkontis advokaton. Demandis la akvokato:

— Kien vi kuras, kamarado Ĉevalo?

— Ĉielfalo, tertremado, kuru kun ni, kamarado!

— De kiu vi scias?

— De la hundo.

— Kaj ĝi?

— De la kokideto.

— Kaj ĝi?

— Ĝia kapo spertis.

— Do ni kuru kune!

Kuris, kuradis ili, fine renkontis lupon. Demandis la lupo:

— Kien vi kuras, kamarado Advokato?

— Ĉielfalo, tertremado, kuru kun ni kamarado!

— De kiu vi scias?

— La ĉevalo diris.

— Kaj ĝi?

— De la hundo.

— Kaj ĝi?

— De la kokideto.

— Kaj ĝi?

— Ĝia kapo spertis.

— Do, ni kuru kune!

Do, ili kuris, kuradis kaj ĉiam ili kriadis:

— Ĉielfalo, tertremado, kuru kun ni, kamarado!

Jam vesperiĝis super ili, tamen ili nur kuradis. Subite ili falis en profundan kavon. Kion fari, kiel eliri? Ili jam estis tre malsataj. Do, diris la lupo:

— Tre estimataj gesinjoroj, amataj amikoj! Nia situacio estas tute speciala, mi povas diri, ĝi estas sola en la mondhistorio. Ni estas malsataj kaj ni havas nenion por manĝi. Ni devas solvi la problemon, se ne, ni ĉiuj mortos. Sed mi havas proponon. Inter parlamentaj formoj ni decidu: Kiu en nia societo havas la plej malbelan nomon, tiun ni formanĝos.

La advokato unue deziris kontraŭparoli, sed konstatinte, ke la lupo estas la plej forta inter ili, per tre elokventa oratorado apogis la proponon. Ĉiu silentis. La lupo demandis:

— Ĉu neniu kontraŭdiras? Akceptite! Kaj nun, ni rigardu la nomojn: Lupo-pupo estas bela, advokato-adorato estas bela, virĉevalo-mir'-de-stalo estas bela, hundo-lundo estas bela, kato-flato estas bela, kokineto — fi, tre aĉa, tute estas vi malplaĉa!

Ili disŝiris la kokineton. Sed ĝi ne sufiĉis eĉ por unu dento. — Denove komencis la lupo:

— Lupo-pupo estas bela, advodato-adorato estas bela, virĉevalo-mir'-de-stalo estas bela, hundo-lundo estas bela, kato-blato-fi, tre aĉa, tute estas vi malplaĉa!

Ili disŝiris la katon, kaj ne malsatis dum la tago. La sekvan tagon ree oscedis la stomakoj. Denove komencis la lupo:

— Lupo-pupo estas bela, advokato-adorato estas bela, virĉevalo-mir'-de-stalo estas bela, hundo-vundo, — fi, tre aĉa; tute estas vi malplaĉa!

Kaj: post unu tago, ree eksonis la lupa kanto, nun jam tute mallonga:

— Lupo-pupo estas bela, advokato-adorato estas bela, virĉevalo-ŝmir'-de-stalo, fi, tre aĉa, tute estas vi malplaĉa!

Kvar tagojn ili ne malsatis, dank' al la malbela nomo de la ĉevalo. Tiam diris la lupo:

— Nu, kamarado advokato, ĉar ni ambaŭ havas tiel belajn nomojn, ni devas dueli. Venkito nutros, venkinto manĝos.

La advokato ne konsentis, li elokvente provis pruvi la neteneblecon de la lupa opinio. Li montris la paragrafojn kaj ĉiamaniere li klopodis konvinki la malsatan lupon. Fine la lupo, tedita de la longa parolado kaj malsato, tute simple enstomakigis la advokaton kun siaj elokventeco kaj paragrafoj. Sed kio okazis? La advokato restis eĉ en lupa stomako advokato. Li pikadis per la akraj kaj pintaj paragrafoj la stomakon de la lupo, kiu ege suferis. Treege doloris ĝia ŝtomako, ĉar mem la advokato ne estis tro digestebla manĝaĵo. Kaj krom tio: la paragrafoj pikis-pikadis ĝian ventron. Ĝi saltleviĝis, kraĉis, veadis, baraktis, fine mortis pro la teruraj suferoj. Kaj nun la advokato per la plej akra paragrafo eltranĉis sin el la stomako de la lupo kaj elrampis.

Li estis tre malsata. Lerte li senfeligis la lupon. Tiel bone li faris tion, kvazaŭ ĝi apartenus al lia profesio kaj ekmaĉis la lupoviandon. Li estis nun sola en la kavo. Li estis tre melankolia, ĉar la lupoviando estis tre malmola, li ne havis aŭskultantaron por siaj paroladoj, kaj li ne havis okazon por la disputo. Dum li malĝojis pro tio, jen li ekvidis en la ventro de la lupo la paragrafojn.

— Ho, mi stulta! Ke mi ne havis ĝis nun tiun ĉi ideon! — li ekkriis kaj preninte la paragrafojn, kunkroĉis ilin en ĉenon. Ili ne estis sufiĉaj por la necesa longo, sed lin tute ne embarasis la afero. Li havis en sia interno ĉie, paragrafojn, iom post iom li elsputadis multegon da ili kaj fine havis taŭgan ĉenon. Poste ĵetadis la pretan ĉenon supren, ĝis la finaĵo fiksiĝis ie, sur la rando de la kavo kaj bele li elgrimpis.

De tiam li ne ĉesas certigi al ĉiuj, ke ĉies fundamento estas la bone faritaj tre akraj, krampaj kaj kurbaj paragrafoj.

Se la ĉeno estus ŝiriĝinta dum la grimpo, mia fabelo eĉ nun daŭrus.



# OBSERVO

## *H. N. BJALIK*

*Haim Nahmen Bjalik* estas la plej eminenta nuntempa hebrea poeto. Li naskiĝis en 1872, en malgranda vilaĝo de Suda Rusujo, kaj nun li loĝas en Palestino. Li edukiĝis unue en la *heder* (elementa juda lernejo) kaj poste en la *Ješuva* (hebrea seminario), kie li studis la talmudon kaj teologion. Per arda laboro kaj abunda legado la poeto kreis por si tuj de la komenco brilan karieron en la hebrea literatura kampo. Sed subite li silentiĝis kaj la silento daŭras jam dek jarojn. Dum ĉi tiu silenta periodo la poeton tamen okupas utila laboro, ĉar li eldonas kaj kompilas hebrean literaturon antikvan kaj modernan, precipe por la uzo de hebreaj lernejoj.

Kiel homo, Bjalik estas ankoraŭ en siaj plej bonaj vivjaroj, kiel poeto, juĝante laŭ la kelkaj poeziaj ekzemploj, kiujn li donis kvazaŭ kontraŭvole al ni dum la silentaj jaroj, li estas ankoraŭ en la zenito de sia potenco.

La lingvo de Bjalik estas la lingvo de la Biblio, senŝanĝa laŭ gramatiko, sed riĉigita rilate al vortaro per la aldonoj de dudek kvin jarcentoj de literatura evoluo: talmudo, rabena libraro, mezepoka hebrea filozofio kaj poezio. La verkistoj de la Psalmaro bone povus kompreni la poezion de Bjalik, ili nur devus demandi la signifon de kelkaj vortoj ĉi tie kaj tie.

La poeto verkis grandan diverson de poeziajoj, sed ĉefe pri la intima vivo de la hebreo en ekzilo kaj kantojn de lamento kaj doloro, intermiksitaj kun kantoj de espero por la nova, reviviĝinta hejmo en Palestino. La samnumere publikita ekzemplo estas nur facila specimeno. Sed ĝi eble instigos aliajn traduki pli seriozajn aliajn verkojn de ĉi tiu ŝatata hebrea poeto.

*J. D. A.*

## *SINCLAIR LEWIS*

Estis granda surprizo, kiam en la jaro 1930. la plej grandan literaturan premion, kiun verkisto povas ricevi, la literaturan Nobel premion, ricevis Sinclair Lewis amerika verkisto.

Kio kaŭzis la surprizon? Li ja estas mondfama verkisto. Kaj li estas ankaŭ talenta.

Oni surpriziĝis, ĉar nun okazis la unuan fojon, ke amerikan verkiston oni honoris per ĉi tiu premio. Oni surpriziĝis, ĉar post G. B. Shaw kaj Anatole France, Sinclair Lewis estas jam la tria »nehonorinda« verkisto, kiu ricevas la premion de Nobel.

Krom tio, Sinclair Lewis ankoraŭ ne finkuris sian literaturan karieron kaj li estas multe atakata verkisto.

Estas notinde, ke inter la kandidatoj por la premio estis ankaŭ alia mondfama amerika verkisto: Theodore Dreiser, la aŭtoro de la monumentala »Amerika Tragedio«. Tiu ĉi fakto ankaŭ pruvas, ke la nova amerika literaturo estas altnivela kaj egalvaloras la eŭropan. Ŝajnas, ke ne nur malbonajn aventurfilmojn, sed ankaŭ bonan literaturon kapablas produkti la nova mondo.

Antaŭ tri jaroj Sinclair Lewis rifuzis la Pulitzerpremion, kiun oni kutimas aljuĝi ĉiujare al la plej bona romano. Nun li akceptis la Nobel premion kaj per la granda monsumo intencas helpi junajn, malriĉajn verkistojn. Li jam ne bezonas monon. Li estas materiale sendependa. Liajn romanojn oni legas en 10,000,000 ekzempleroj.

Li estas nun 45 jara homo kaj sur la zenito de sia produktkapablo. Li naskiĝis en eta vilaĝo. Lia patro estis kuracisto, ankaŭ li intencis fariĝi kuracisto kaj en la universitato studis medicinon. Tiam li komencis verki. Sed li tre enuis la tradician atmosferon de la Yale universitato kaj li aliĝis al la utopia-socialista kolonio Helicon Hall, kiun fondis la plej granda vivanta amerika verkisto Upton Sinclair. La medio de ĉi tiu kolektiva kolonio havis decidigan efikon por lia estonta literatura agado.

Li lernis sian sincerecon, klaran observkapablon de Upton Sinclair kaj malgraŭ, ke lia socikritiko ne estas tiel profunda, kiel tiu de Upton Sinclair, tamen la postsignoj de lia iama radikala mondrigardo estas klare konstateblaj kelkloke eĉ nun en liaj verkoj. Li kuraĝe kaj senmaske priskribas la monavidan, monotonan, senartan kaj senhorizontan vivon de la plimulto de l' amerikanoj.

Li ne fariĝis kuracisto, sed li dediĉis sin tute al la literaturo. Li fariĝis jurnalisto, helpredaktoro. Li estis servutulo de la Magazenoj. En 1914. li aperigis sian unuan romanon, »Our Mr. Wrenn.« kiu estas aŭtobiografia verko. Sed la romano ne havis sukceson. Nur lia kvara romano, la »Main Street«, kiu aperis en 1920. alportis por li la sukceson. La verko estas sincera kritiko pri la amerikaj statoj. La romano kaŭzis grandan konsterniĝon kaj multaj polemikojn. Sed dum du jaroj ĝi disvendiĝis en 400,000 ekzempleroj kaj li fariĝis unu el la plej konataj amerikaj verkistoj.



*Rik Luyten*: Fiŝkaptista hejmo

Pro la atakoj li rifuĝis al Eŭropo kaj sian novan romanon li jam verkis en Anglujo. Tiu ĉi romano estis »Babbit« (1922) kaj akiris por la aŭtoro mondfamon. »Babbit« estas fidela fotografaĵo de la amerika etburĝo, kiu en la imagita urbo Zenith vivas sian febran kaj tamen grizan vivon en konstanta batalo por la dolaro. Li volas ribeli kontraŭ sia sorto, sed la praktika sento venkas lin kaj li senskrupule akomodiĝas al la mekanika amerika vivŝablono.

En 1924 aperis lia ĉefverko »Dro. Arrowsmith. Ĝi priskribas la heroan vivon de fama kuracisto. La ĉefheroo estas perfekta amerikano, kiun la laboro tute okupas. El simpla vilaĝa kuracisto li fariĝas granda scienculo, edziniĝas milionulinon, sed — iun tagon li forlasas la riĉecon kaj reiras en la malriĉecon, ke li vivu sendepende de ĉiu kaj ĉio, kaj nur por siaj sciencaj esploroj. Multe da figuroj vivas en la romano. Ĝi ampleksas la tutan Amerikon. La speciala amerika »spirito« tiel komplete enestas en ĉi tiu romano, kiel en neniu alia verko. Tuta Ameriko estas sub la sugesto de la prospero, kiun movas la dolaro. La senĉesa aktiveco signifas tie la celon de la vivo. Gigantaj energioj laboras kaj ili sentigas sian efikon ĉie. La sama energio naskis ankaŭ ĉi tiun libron. Ĝi estas verkita kun mirinda objektiveco, kelkloke preskaŭ seke, kun multaj kuracistaj fakterminoj, difinoj, tamen ĝi ne tedas. Li laboris dum du jaroj pri tiu ĉi romano kaj travojaĝis la duonteron, serĉante tipojn, vizaĝojn, kolorojn, kaj vizitis ĉiujn lokojn, kie okazas la romano.

Lia sekvinta verko »Mantrap« estas serena, bonhumora, aventurplena libro, sen grandaj pretendoj. »Elmer Gantry« (1927) temas pri genia fripono, kiu estas perfekta hipokritulo. Post lia satira verko »The man who knew Coolidge« (1928) denove li aperigas grandan romanon »Sam Dodsworth« (1929). En ĝi temas pri la aktuala problemo de la edziĝo kaj en la portreto de Sinjorino Fran li interese pentras la tipon de la moderna amerika virino.

Preskaŭ ĉiuj liaj romantitoloj estas personnomoj, kiuj estas karakterizaj tipoj, same kiel tiuj de Dickens. Lia stilo estas tre esprimriĉa kaj vivplena. Lia humoro estas satira.

Estas interese, ke malgraŭ lia mondfamo li tute ne estas ŝatata verkisto en Ameriko. Ameriko ne ŝatas lin, ĉar li kritikas kaj montras ĝian veran vizaĝon. Eble nun la Nobel-premio repacigos ilin.

En intervjuo li diras pri siaj romanoj: »mi neniam volis reformi. Mi priskribas la homojn kaj aferojn, kiel mi vidas ilin. La homoj estas kelkfoje bonaj, kelkfoje malbonaj, sed tio ne estas mia kulpo. La romanverkisto vere ne povas fari alie, ol skribi la veron. Mi estis jam tro longe jurnalisto por tio, ke mi multe cerbumu pri la savo de l' mondo.«

*Ladislao Halka.*

## *HESSE: TROST DER NACHT*

Tiu ĉi libro ampleksas kolekton de 1 poemoj de Hesse verkitaj de la jaro 1915. Ĝi enhavas ankaŭ elektitajn poemojn de kelkaj malnovaj volumetoj jam elĉerpiĝintaj kaj ĝi estas vere reprezenta verko de tiu ĉi mallaŭtvoĉa poeto.

Hesse restis sendependa de literaturaj influoj, programoj, stilmodoj. Li estas s e n t e m p a poeto. Li uzas la lingvon de l' impresionismo. Liaj ĉefaj problemoj estas la rememoroj de lia junaĝo kaj la trankviliĝo je l'estanto: je la maljuneco, je l' malsano. La simpleco de liaj poemoj kovras internan abundon, riĉecon, kiun de tempo al tempo trabrilas mistikaj profundoj.

La poemoj de »Trost der Nacht« ne estas amaj poemoj, sed ili estas poemoj post la amo, amara postgusto de pasinta kaj duba feliĉo. La poeto lasis sian junaĝon jam for, por ĉiam for. Li ne sopiras je la pasinto, li volas trankviliĝi je la neŝanĝebla. Post la amo venas la doloro kaj tiu ĉi doloro ne pasos plu. Sed eble ankaŭ tiu ĉi eterna doloro daŭronta ĝis la tombo havas ian belecon. Tiu ĉi libro estas adiaŭo, adiaŭo al la junaĝo, al la ebloj de l' vivo, — kaj provizo por tiu longa, dezerta, griza vojo, kiu estas la lasta parto de l' homa vivo, kaj kies unika celo estas la morto. Tiu ĉi libro meritas sian titolon. La »Konsolo de l' nokto« per sia silenta rezigno donas al ni ian dolĉ-amaran senton de l' trankvilo.

La plej perfektaj poemoj de Hesse estas liaj malgrandaj, kristale puraj kantoj. Kelkaj linioj... kaj en ili estas ĉio : aŭtuno, pasemo de ĉio tera, morto : Vi, birdoj sur la arbustoj, kiel flugas via kanto al la brunaj arbaroj — birdoj rapidu ! Baldaŭ venos la vento, kiu blovas, baldaŭ venos la morto, kiu falĉas, baldaŭ venos la griza fantomo kaj ridegos pri tio, ke niaj koroj fariĝos glaciaj, kaj la ĝardeno perdos sian tutan pompon, kaj la vivo sian tutan brilon ; karaj birdoj inter la foliaro, karaj fratetoj, ni kantu kaj estu gajaj, baldaŭ ni iĝos polvo.

Kaj ĉio ĉi per la plej simplaj vortoj kaj la plej perfektaj rimoj ! Karaj legantoj, mi diras al vi, kiel mezepokaj monaĥoj kutimas skribi kvazaŭ antaŭparolon al iliaj preferitaj libroj : Legu tiun ĉi libron, ĉar ĝi estas bela.

Jen, unu el tiuj ĉi perloj de la Hesse-a poezio en esperantigita formo. Mi pensas, ke ne ofte iu pentris tiel simple, tiel senplende la naturecon kaj senfinon de l' doloro :

En la Malpleno ardas
Vi sola, ho kor' !
Salutas vin ĉe abismo
Malhela flor' Dolor'.
Siajn branĉojn streĉas
La alta arbo Trist',
Sur ĝi trilas Eterno
Birdokantist.
Flor' Doloro silentas,
Mankas vort' al ĝi,
La arbo kreskas ĝis nuboj
Kaj ne ĉesas birdmelodi' !

*L. Totsche.*

---

# RECENZO



*Kenelm Robinson:* »*SE GRENERETO*...« Londono 1930. Propra eldono de la aŭtoro. Ĉefdeponejo: Heroldo de Esperanto, Köln. 158 pĝ. Prezo : P. 9.—

Malfermante la libron de »homo novus«, oni ĉiam havas miksitajn sentojn : iom da senvola malkonfido al la nekonata nomo kaj samtempe incitan scivolon, similan al tio, kion la pasia kartludanto sentas dum la memincite malrapida malkovro de la ricevitaj kartoj : ĉu ni havos poentojn gajnajn, aŭ fuŝajn ? Kaj ankoraŭ pli intensa estas ĉi tiu scivola dubo-espero, se oni prenas en la manon originalan Esperantan verkon. Tiel malmultaj estas ja inter niaj prozistoj, kiuj intencas atingi pli altajn celojn. Kaj kiom da intencoj sen sufiĉa realiga forto !

Kenelm Robinson havas ambaŭ : kaj la intencon kaj la forton. Lia intenco : priskizi anglajn tipojn, karakterizi per akraj konturoj la etburĝan klason, profundsekce analizi individuojn, sin mem kaj kelkajn el siaj amikoj, riĉe mini en la misteroj de la subkonscio. Lia forto : ke li estas verkisto »denaska«, kiu konstante tenas vigla la interesiĝon de la leganto, neniam enuas (eĉ se nenio »okazas« en la novelo) kaj kiu preskaŭ ĉiam atingas la celon : senmanke interpreti, kion li volis.

»Se grenereto« enhavas du partojn. La unua konsistas el mallongaj skizoj, el kiuj, laŭ mia opinio, pleje sukcesis : *La paganta gasto,* kun sia trafa karakterizo, preskaŭ palpeble viva prezento de medio, sekhumora, milda ironio : ĝi montras al ni tute »pretan« verkiston. Kaj »*Apud la stacidomo Victoria*« : delikattakte verkita skizeto pri la amikeco. Preskaŭ nenio okazas en ĝi : du junuloj vagas nokte sur la nebulaj Londonaj stratoj, en kaj eliras kafejon, diskutas kaj babilas, sed la melodia simpleco de la dialogoj, la senta subpentro, kaj la subita eksplodo de la amika admiro kaj amo en alspirata adiaŭkiso, frapas kaj emocias nin. Ĝi estas verkita por malmultaj.

El ĉi tiuj noveloj desegniĝas antaŭ ni la anima silueto de Kenelm Robinson : ĉioscivola, nepre »intelekta« kapo, kiun tamen la sentoj direktas. Kaj li hontas pri ĉi tio, volus ĝin kaŝi de la malica observo de la aliaj, kaj eĉ de si mem. Kaj tial li ŝajnas preferi la sentan malvarmon al la amo, certe li havis malsukcesajn eksperimentojn, senkomprenajn rifuzojn de lia simpatio, kiuj lin, troreageman, afliktis grave. Kaj li fariĝis solulo, kiu ne volas senti plu, nur observi akre, malvarme, precize, senindulge. Kaj tial lia fantazio estas memvole limigita, li ne postkuras sentajn utopiojn, volas skribi nur pri tio, kion li vidas ĉirkaŭ si, li volas esti simpla spegulo de sia medio. Nur kelkfoje, kvazaŭ malgraŭvole, aldonas la spegulo al la projekciata bildo iom el sia propra vibra brilo, kaj — jen la plej sukcesaj momentoj en la libro.

---



*Rik Luyten*: Memportreto

La dua parto konsistas el pli longa novelo, propre fragmento el senfina romano, titolita : *La fremda knabo.* Ĝi rakontas pri la vivo de pensionlernantoj, ĉi tiun speciale anglan vivon de knaboj volas la aŭtoro prezenti al la internacia legantaro. La novelo estas plenplena de vera vivo, dum la lego ni vere vivas kun ĉi tiuj tiom diverskarakteraj knaboj, partoprenas en iliaj petoladoj, ludoj, intrigoj, ĝojoj kaj tristoj. Kaj oni vere bedaŭras, ke la rakonto ne estas pli longa, ke ĝi finiĝas tute abrupte, kvazaŭ senkaŭze.

Ĝin sekvas ankoraŭ skizo : dialogaj priparoloj de ĉi tiu novelo, kaj tie ĉi ree ni povas admiri la talenton de la aŭtoro, ke li povas konstante interesi nin, konsterni aŭ amuzi nin per trafa diro, neatendita parolturno, sprita ŝerco. Eble neniam ankoraŭ oni parolis pri Esperanto en tiel simpla, natura, memkomprenebla maniero, tute sen altrudo, kiel en ĉi tiuj dialogoj.

La aŭtoro havas stilon ofte tre trafan kaj interesan. Sed mi devas diri, ke ĉi tiu stilo ne estas ankoraŭ tute Esperanta. Multaj frazoj estas en la libro, kies konstruo tro klare montras, ke la verkinto estas anglo. Krome, li tro ofte uzas la pezajn kunmetitajn verboformojn, plejparte tute superfluajn. Li uzas kelkajn neologismojn, sed tiuj ne ĝenas. Pri la vorto »bebo« mi vere ĝojis. Sed »darfi« ŝajnas al mi monstra, kaj bedaŭrinde ĝi minacas enŝteliĝi en la lingvon. Kial ne uzi, se oni bezonas vorton samsignifan, la belsonan »lici«, pli internacian, kaj tute konvenan al la sonspirito de la lingvo ?

Tiu fiero de la aŭtoro, ke li kreis en la libro ian »knaban lingvajon«, ŝajnas al mi ne tro motivita. Kion la knaboj diras, tio estas tre karakteriza kaj ĉarma, sed kiel ili diras, tio estas nenio speciala. Entute, mi ripetas, la stilo estas bonega, ĉar ĉiam ĝi enhavas la streĉon de intereseco sed en la angla traduko ĝi estus nekompareble pli perfekta, ol en la Esperanta originalo. »Mi mense bildigis al mi knabojn, paroligis ilin Esperante, kaj aŭskultis ilin« — diras la aŭtoro. Nu, domaĝe, tiu mense bildigitaj knaboj, kvankam bone lernis Esperanton, tamen havis anglan lingvon gepatran.

Resume mi konstatu, ke Kenelm Robinson estas tre talenta, kuraĝe sincera verkisto, kiu havas multe por diri, kaj kiu tion multan povas rakonti en tre interesa kaj trafa maniero. Verkisto, de kiu ankoraŭ tre multe atendas nia literaturo. »Se grenereto . . . « ne estas nur promesa uverturo al pli signifaj verkoj, ĝi mem estas jam plenumo, grava plenumo ! Kaj se la aŭtoro tute memstariĝos sin de sia gepatra lingvo en sia Esperanta stilo, li saltos en gvidan lokon en nia literatura armeo.

*L. Totsche.*

*LA VILA MANO (Idoj de Cereso)* Originala romano de H. J. Bulthuis, L. K. Ilustrita de Tjeerd Bottema. N. V. Joh. Ykema' suitg. — Mij. — 1928 — 'S-Gravenhage.

Por bone kompreni kaj objektive kritiki tiun ĉi verkon oni bezonas koni iomete la medion, en kiu vivas ĝia aŭtoro. Al mezeŭropaj legantoj ĝi certe impresas naiva rakonto, en kiu vivas, agadas fantazikreitaj figuroj, kies sango nur malofte cirkulas plirapide kaj kies mondpercepto postrestas almenaŭ duoncentjaron. Kiam la unuan fojon mi legis la verkon — verdire — mi havis tiun opinion, sed persone konatiĝinte kun kelkaj — ŝajne bagatelaj — kutimoj de la lando, mi vidas, ke la aŭtoro, kvankam iom idealigante siajn heroojn, sukcese respeguligis en sia romano la — nederlandan vilaĝon kaj ĝiajn loĝantojn. Almenaŭ tiel sukcese, kiel tion povas fari verkisto, vivanta en komforta ĉarma hejmo kaj vidanta la vivon de siaj samlandanoj tra la fenestro. Ne realajon, sed nur palan silueton de la vivo li donas. Lian fantazion helpas la junaĝaj rememoroj. Sed; ni ĉiuj scias, ke tiaj rememoroj beliĝas dum paso de la jaroj kaj ili prezentas la pasintecon tra revteksita vualo de sentimentoj. La sanga tragedio fariĝas drameto, la simpatio grasiĝas je arda amo, la imagajo ŝajnas esti okazintajo kaj la aŭtoro estas sklave katenita al ili, ne povas liberigi sin de la falsita vero. Li vidas ĉion tra la fenestro de la bone establita hejmo kaj prezentas al ni ne la hodiaŭan vilaĝon, sed tiun, kiun li mem kreis el la junaĝaj rememoroj. Ĉu riproĉinde ? Ne ! Neniel, ĉar tiumaniere la sujeto de la romano respegulas ankaŭ lin mem. La serena humoro kaj bonkoreco de la aŭtoro filtriĝas tra tia prezentmaniero de la pasinteco kaj la leganto vidas antaŭ si stari la verkiston en lia plena sincereco. Jen mi, la fabelanto, kiu celas distri vin kaj por momentoj forpeli vian atenton de la kruela ĉiutagaĵo, doni iom el mia serena mondpercepto, sugesti al vi, ke la vivo estas milde varia sonĝo. Tio ĉi karakterizas la originalajn verkojn de Bulthuis kaj la samon ni povas retrovi ankaŭ en lia romano LA VILA MANO, kies figuroj, tipe vilaĝanaj, bone rolas en la epizodoj de teksita historio, ĉarme interesa. En la priskribo de kelkaj scenoj la verkisto sukcesas tiel majstre priskribi kaj prezenti la diverskarakterajn homojn, ke tio impresas kiel realajo. La figuro de la gastejestro Klakilo la stulta Dirk estas la plej naturalisme desegnitaj. La kromleĝa infano Paŭl kaj lia amatino Eva, poste Erasmus bone impresas. La figuro de Alings estas karakteriza. La mistika Fremda Dorotea estas akceptebla romanfiguro. Alino kaj Baŭman same. Ni povas aserti, ke la romano mem, en kiu havas la ĉefan rolon la *vila mano* (la konscienco), estas interesa kaj plej bona verko de Bulthuis. Tamen mi rimarkas, ke la surprizaj kaj trofabelecaj lastaj ĉapitroj ne plaĉas al mi. Ili forprenas la ĉarmon de kelkaj bone kreitaj figuroj. La simpla Paŭl fariĝas grafo. Kial ? Ĉu kamparano ne povas havi tiajn noblajn ecojn ? Cetere li fariĝas — je ĝojo de kelkaj legantoj — degenerinta grafido, kiu post dekdujara lernado apenaŭ konas la literojn. Kial fari el la mistera Fremda Dorotea demonon ? Kuradas ja en la mondo sufiĉe da malfeliĉulinoj, kiuj ne konas la nomon de la patro de siaj infanoj. Vere, mi tre bedaŭras, ke ĉe la fino tiel forgalopis la fantazio de la aŭtoro je malutilo de la bone verkita romano. Estas necese kelkfoje bridi la Pegazon ! Kiel en Idoj de Orfeo la plej vivanta, plej interesa figuro, tiel ankaŭ en tiu ĉi romano fariĝas preskaŭ viktimo de la troigita romantikismo la heroo. Sed . . . sed nia kolego, nia ŝatata Bulthuis estas fabelisto kun speciala ĉarmo kaj prezentmaniero kaj tial volonte ni pardonas al li tian forgalopadon. Mi estas konvinkita, ke lia talento kaj laboremo ankoraŭ donacos al nia literaturo tian verkon, kian ni jam delonge atendas : *romanon por nia junularo.* Tio estas certe ne facila tasko, sed mi pensas, ke li kapablus verki ĝin. La unua parto de Idoj de Orfeo elokvente pruvas tion. En La VILA MANO la vigla, facila kaj kolorriĉa stilo subtenas mian supozon.

La verko estas leginda, amuza kaj ĉarma. Ni gratulas al la eldonisto por la eleganta vesto, en kiu li aperigis la Idojn de Cereso je plezuro de la libroamantoj. La preseraroj ne ĝenas min, nur ĉagrenas (ankaŭ en mia propra verko ! Ho, tiuj bonvolaj kompostistoj !), sed mi pensas, ke pri la ĉiama *aukaŭ* anstataŭ *ankaŭ* ne sole la kompostisto kulpas.

*Jobo.*

*Esperanto Adresaro 1930/1931.* Laŭ stato de 1-a de aprilo 1930. Eldonita de S. O. L. Wiesbaden, Walkmühlstrasse 25. 48 paĝa, formato 14.5×10.5 cm.

*Floretoj, porinfanaj rakontoj.* Tradukitaj de la Vendreda Klubo en Winschoten. Eldonis J. R. Wolters— Groningen—Den Haag. 64 paĝa. Formato 20×13.5 cm. Prezo 0.70 guldenoj.



# Dokumento pri Literatura Mondo

**Starigita de A. Behrendt (L. K.) Berlin**

Certe kelkaj el la tre estimataj legantoj de LM., triumfe renaskiĝinta, scias, ke mi prezentis min kiel dokumentisto jam unu fojon, proponante la starigon de »Dokumento pri E-gramatiko« (vidu: Esperanto-Praktiko, nroj 11 kaj 12 el la jarkolekto 1928.) Inkubas mia dokumentemo! Kaj ĉar oni ofte provas forpeli la diablon per la diablestro, mi deziras simile seninkubiĝi per la helpo de nova dokumento. Estas afabla kutimo, dokumenti la fondon aŭ la naskiĝon de nova entrepreno, ŝajnas al mi, ke mi montros eĉ pli grandan afablecon per dokumento pri la renaskiĝo de LM.

Mi ja konsentos, ke kvaron-verkisto, kia mi estas, klopodu sin prezenti en kiel eble plej impresa formo! Ne povante malkonfesi mian gramatikemon, klopodante resti fidela al mia dokumentemo, kaj fine aspirante plaĉi al la legantoj, mi opinias bona, ke mi kunfandu gramatikon, dokumenton, LM-on! Ke tiel naskiĝas enigmo, ne estas mirige, sed — pruvos la vastampleksan kapablon de la legantoj, kiuj estas eminentuloj en jonglado per ciferej!

Kompreneble mia nova dokumento komenciĝas per

*Antaŭfanfaro:*

el mia nomo
1 2 3 4 5 6 3 7 5 6 8 9 10 11 9
vi povas konstati
ke mi deziras
6 8 7 7 10 7 1 6 6 1 2 6 10
kun ĉiu ekfrati!

En ĝi enestas duon-gramatiko,
kiun vi studu kun ver-fanatiko!

*Dokumento:*

1) Difin-artikolo — jen «unu kaj ses»:
ĝi restas la sama, ne taŭgas forges',
ĉu sep unu naŭ, ĉu kun iu, ĉu objekt' —
nur tiel estiĝas la lingva korekt'.

2) Je naŭa finiĝas la substantivo,
ĉu vir' aŭ virino, ĉu best' aŭ olivo.
«Dekunu kaj kvar» genitivon indikas,
kaj ses antaŭ unu dativon praktikas.
Aldono de dek la objekton prezentas
signifas direkton; ĉu tio turmentas?

3) Anstataŭ la naŭ la sesan venigu,
vi tiel aldon-adjektivon estigu.
La deklinacio laŭ punkto la dua
jam finas la kazojn en studo senbrua.
Forstreku la sesan kaj metu la kvaran,
adverbon vi trovos, ĉe verbo tre karan.

4) Finiĝas je du ĉiu infinitivo,
kun sep en la fino, jen: imperativo
«Ses ok sep ok du dek» tre dolĉe ja sonas,
«ses ok naŭ» volonte karese pardonas!

(Espere ankaŭ al la verkinto! — La ceteron pri gramatiko vi trovas en «Fundamento de Esperanto» de d-ro Zamenhof, Varsovio 1887.)

*Postfanfaro*

El mia nomo
1 2 3 4 5 6 3 7 5 6 8 9 10 11 9
vi ĉerpu konsilon,
Vi nur atentu
8 4 10 11 7 1 8 9 10
amuzan distrilon;
el ĝi alfluas de l' belo la ondo,
kun ĝi vi migros tra tuta la mondo!

*Eĥo el la legantaro:*

10 2 8 4 10 11 7!
10 2 8 4 10 11 7!

*Rimarkigo:*

Kiu ne kapablas diveni la ciferan enigmon de la dokumento, skribu al la eldonejo de L. M. aldonante 10.— pengojn. Li tuj ricevos respondon kun solvo.

# KONKURSO

Literatura Mondo anoncas konkurson por originala Esperanto-romano.

KONDIĈOJ:

1) La temo estas laŭplaĉa.
2) Amplekso: maksimume 300,000 litertipoj.
3) La verkon oni sendu sub pseŭdonimo ĉemetante la veran nomon en fermita koverto, signita per la pseŭdonimo.
4) Maŝinskribo unuflanka kun marĝeno ĉ. triono de la larĝeco.
5) Limtempo: 31-a de marto 1931.

**JUĜANTA KOMITATO:**

**Julio Baghy, Karlo Bodó, Jean Forge, K. Kalocsay, Raymond Schwartz**

**PREMIO:**

300 t. e. tricent pengoj.

Konkursante oni konsentas pri la senpaga publikigo en Literatura Mondo kaj pri la kutime honorariata eldono en libroformo.

Se la verkoj ne atingus certan nivelon, la komitato rezervas por si la rajton pri la eventuala nealjuĝo aŭ dispartigo de la premio.

**LITERATURA MONDO**

**Korektoj:**

1) En la unua numero ĉe *Konkurso* la korektisto preterrigardis unu nulon. Pro tio bonvolu atenti: *la amplekso* de la verko ne estu ĝis *30,000*, sed ĝis *300,000* litertipoj.

2) Sro Behrendt petis nin korekti, ke li ne estas akademiano, sed nur Lingva Komitatano. Ni esperas, ke niaj legantoj pardonos tiun ĉi eraron de la redaktoroj.

## ANONCETOJ

Prezo po unu enpreso kaj dek vortoj 70 fileroj (50 pfenigoj) aŭ egalvaloro. Minimumo estas 20 vortoj. Pagebla ankaŭ al niaj reprezentantoj.

*La uzanto de ĉi tiu rubriko havas la nepran devon respondi almenaŭ unufoje al la korespondaĵoj, alvenintaj al li laŭ la anoncita temo !!*

*Blondulino.* Malfacile elkonebla, ĉiam konfuzas la aferojn, nesincera, kaŝema, sklavo de la sociaj formoj.

*Ruĝalino.* Obstina, neinfluebla, kun granda sinrego. Ne kunsentema, ŝtonkora, plena manko de akomodiĝo, indulgemo, bonvolo kaj cedemo.

*Emeriko.* Tre inteligenta, verkista kapablo, agema, kun entreprenemo. Optimisto, konvinkita pri sia pravo.

*Konata komercisto.* Fervora, kuraĝa, liberpensanta, freŝa, agema, penetrita de ambicio sen psikaj digoj. Senpera konduto. Sub nenia psika perforto, sentas sin sendependa de ĉio.

*Juna pentristo.* Troa kritikemo, singardema, nefidema, kaŝema, malamikema, sed tamen influebla kaj bonkora, tre malkontenta pri si, nervoza.

*Scivolulo.* Ekstremema, senkritika, fantaziulo. Embarasa pri sia esprimmaniero, malkaŝema, bonkora, puritana.

## GRAFOLOGIO

*Abonantoj, kiuj deziras uzi nian grafologian rubrikon, sendu al ni aŭ al niaj reprezentantoj almenaŭ unupaĝan manskribitan leteron. Ĝi estu skribita sur neliniita papero, per inko. Al la letero oni aldonu 1.— pengon aŭ egalvaloron.*

*12 fotopoŝtkartoj de Budapest* kun Esperanto-teksto bildflanke afrankite por P. 2.20. 12 similaj fotobildetoj en eta albumo afrankite P. 1.65, la famaj koloraj hungaraj manbroditaj tukoj afrankite por P. 5.— Mendu de eldonejo Literatura Mondo, Budapest.

*Wallienne : Ĉu li ? Luyken : Paŭlo Debenham kaj Mirinda Amo,* ĉiuj iom uzitaj po unu ekzemplero estas haveblaj ĉe eldonejo Literatura Mondo, Budapest. Prezo : P. 11.— po ekz. afrankite.

Korekto. La adreso de f-ino John Sári estas Dohány-u. 76 kaj ne 74, kiel skribite en la unua numero. Al la adreso alskribu ĉiam : *Esperantistoj.*

*Literatura Mondo,* kvara jaro nro 10 estas sercata. Skribu ofertojn al Ludoviko Totsche, Hungarujo, Budapest II. Vérmező-u. 16. III.

*Malnovajn numerojn de Literatura Mondo* aĉetas la eldonejo. Senda eventualajn ofertojn al ni. Nur sendifektajn ekzemplerojn! Ĉefe estas serĉataj la ekzempleroj, eldonitaj de Hungara Esperanto Instituto.

## FLANDRA ESPERANTISTO

Monata Revuo
Organo de la
Flandra Esperanto-Movado

Redaktoro kaj Administranto **Jan van Schoor**

J. De Geyterstraat, 149/1
Antwerpen

**Jara abonprezo:**
Enlando: 15·— frankoj
Eksterlando: 4 belgoj

**Petu senpagan provekzempleron!!**

## Esperanto-insignoj

ĉiuj specaj
liveras plej malmultekoste
EMMI BAUER
**Grünwald** 139, a. Niesse. Ĉ. S. R.
Asocioj demandu prospekton

## !! APERIS !!

**De neniu pacience atenditaj**

# 5.000.000 de grenkamp

**kaj estas riceveblaj po nur**

## fr. sv. 3.—

**en la honestaj farmaciejoj de via urbo. Se tia ne ekzistas, mendu rekte de la eldonejoj „Esperantista Voĉo" Jaslo (Pollando) kaj Literatura Mondo Budapest**

**DR LEOPOLD DREHER L. K.**

## ANEKDOTARO

**por plifundigi kaj refreŝigi viajn Esperanto-konojn**



jen la titolo de nova lernolegajaro, kun marĝenaj notoj en la lingvoj franca, angla, germana, pola k. esperanta, kun marĝenaj klarigoj pri vortfarado kaj vortsignifo

Abundas hebreaj humoraĵoj („idiŝe vicn")

Reviziis W. Lippmann k. Grosjean Maupin

| | | |
|---|---|---|
| La prezo | 1 sv. fr. | (1·80 zl.) |
| 10 ekzempleroj | 8 sv. fr. | (14·40 zl.) |
| 50 ekzempleroj | 35 sv. fr | (63·— zl.) |

DR LEOPOLD DREHER KRAKOW, STAROWISLNA 37
Poŝ:ŝparkaso: P. K. O. nro 405.716

## De RAYMOND SCHWARTZ aperis

| | |
|---|---|
| Verdkata Testamento, afrank. . . | P 3·20 |
| Prozo Ridetanta, afrank. . . . . | P 4·50 |
| Anni kaj Montmartre, afrank. . . | P 4·50 |

Mendeblaj ĉe

**LITERATURA MONDO, Budapest**

**Nova originala verkisto angla:**

KENELM ROBINSON

## SE GRENERETO

**Jen, Max Butin, en „Heroldo": Li senkompate montras la homon kruda, natura, absolute nuda.**

**Havebla ĉe LITERATURA MONDO Budapest**

**9·— pengoj afrankite en luksa tolbindo**

## ALVOKU

**LA SKOLT-TRUPOJN en via loko**

LERNI ESPERANTON KAJ PARTOPRENI

**la X-an Internacian Tendaron de la Skolta Esperantista Ligo en Julio 1931 apud Budapest, Hungarlando**

Akiru por ni skolt-korespondantojn!
Hungara Skolta Esp. Rondo, Budapest
V., Nagy Sándor-utca 6 Skolta domo

P. Ny V. — Presejo de LITERATURA MONDO